# der esperantist

**Mitteilungsblatt der Esperantofreunde im Kulturbund der DDR**

10. Jahrgang Nr. 65/66 (3/4 1974) 60 Pf


## 25 jaroj - laborriĉa, sukcesa vojo

**Retrorigardante la kvaronjarcenton de la evoluo de nia ŝtato ni, civitanoj de Germana Demokratia Respubliko, konscias pri la malfacilega vojo, kiu kondukis el la cindra komenco en 1949 ĝis hodiaŭ, kiam nia respubliko estas floranta socialisma ŝtato.**

**Vere, oni ne tro glatigis al ni la straton. Politika premo flanke de la reakciaj rondoj en la alia germana ŝtato, la artefarita diplomatia izoliĝo, en kiu oni tenis nian landon, la ekonomiaj sabotoj, malhelpoj k. t. p., ĉio-ĉi postulis por venki ilin, de ni grandajn forto-streĉojn, kaj ke ni estas la venkintoj antaŭ la juĝo de la historio, pri tio ne nur atestas la disfloranta socialisma socio, la stabila evoluo de ĉiuj ĝiaj partoj, pri tio ankaŭ atestas la nova internacia pozicio, kiun akiris nia lando. Diplomatiaj rilatoj kun pli ol 110 ŝtatoj, membro de la Unuiĝintaj Nacioj kaj de diversaj ĝiaj specialaj organizajoj, estimata loko en multaj internaciaj aktivecoj, tio karakterizas hodiaŭ nian landon. Kontraktoj, fiksantaj la aktualajn limojn, evoluo de normalaj rilatoj al FRG kaj aliaj okcidentaj landoj, intensigo de la reciproke avantaĝa kunlaboro, ĉio-ĉi stampas la aktualan tendencon al malstreĉiĝo en la internacia politiko, proceso en kiu ankaŭ GDR ludas sian gravan rolon.**

**Se ni hodiaŭ ne sen fiero povas rigardi la atingitan, ni ne havas kaŭzon ignori la ankoraŭ ne solvitajn problemojn, la antaŭstarantajn taskojn. Sed ni alpaŝas tiujn en plena konvinko, ke ni, vivantaj en senkriza socio, sukcesos. Kaj tiu nia fiero post 25 jaroj nenion komunan havas kun naciismo. Ni scias taksi la gravan rolon de la solidara kaj frata subteno de Soveta Unio kaj la aliaj socialismaj ŝtatoj. Kaj ni scias pri nia komuna estonta vojo.**

# *25 jaroj GDR*

## Respublika Konferenco de la esperantistoj




*En la prezidio de maldekstre dekstren: ĉe la pupitro Rudi Graetz; Willi Vildebrand, Josef Vitek (ĈSSR), d-ro Hans Eichhorn, Georgi Dimov (Bulgario), Detlev Blanke, Hans Heinel, starante prof. d-ro D. Armand (Soveta Unio), Eva Farkas (Hungario), Rita Krips, Stanislaw Swistak (Pollando).* Foto: Seidenstricker

Ĝi ne estis la unua. La unuaj tutrespublikaj renkontiĝoj, kunvenoj aŭ konferencoj, la titolo ne gravas, sed la funkcio, jam okazis *1970 en Karl-Marx-Stadt* (kp. „der esperantist" n-ro 44 [novembro-decembro 1970]) kaj *1972 en Berlin* (kp. „der esperantist" n-ro 54 [aŭgusto-oktobro 1972]). Ambaŭ grandajn dutagajn aranĝojn partoprenis ĉirkaŭ 180 esperantistoj, *kiuj devis pagi nenion.* Ĉiujn kostojn por manĝado, tranoktoj, veturkostoj, programo pagis Kulturligo.

La *trian* grandan renkontiĝon, lan kaj 2an de junio 1974 en Berlin, partoprenis 200 esperantistoj, inter ili 100 *senpage* partoprenintaj delegitoj, kaj 100 gastoj, kiuj mem devis pagi. La solidareco de la delegitoj ebligis al multaj pensiuloj kaj al gejunuloj repagon de la vojaĝmono. La partopreno al tiu respublika konferenco estis ebla al absolute *ĉiu esperantisto de GDR,* ĉu membro aŭ nemembro de Kulturligo.

Krome partoprenis same kiel jam 1972 gastoj el la Esperantoorganizaĵoj de socialismaj landoj. El **Bulgario:** *Vasja Petrova,* administra sekretariino en la ĉefoficejo, de BEA, *Georgi Dimov,* prezidanto de la BEA-filio en Varna. El **ĈSSR:** *Josef Vitek,* prezidanto de ĈEA kaj Federacio de ĉeĥoslovakaj esperantistoj, *Zdenek Krimsky,* ĝenerala sekretario de ĈEA. El **Hungario:** *Eva Farkas,* membro de la prezidantaro de HEA, *Mihaly Gergely,* ĉefredaktoro de „Hungara Vivo" kaj „Eszperanto-Magazin". El **Pollando:** *Stanislaw Swistak,* prezidanto de PEA. El **Soveta Unio:** *prof. d-ro D. Armand,* vicprezidanto de la Esperanto-Komisiono en la Unio de sovetaj societoj por amikeco kaj kulturaj rilatoj kun eksterlando (SSOD). Antaŭ ol priskribi la laboron kaj la rezultojn de la GDR-aranĝo ni substreku, ke la funkcio de tiuj renkontiĝoj fakte samas al landa kongreso. Tamen, novelekto de la membroj de CLR nur okazas dum la „delegitokonferencoj", kiuj okazas ĉiun kvaran jaron. CLR ne intencis organizi

nur formalan renkontiĝon sed klopodis kunligi laboron kaj distron. Sed ĉefe temis pri laboroj. Ciuj tiuj tutrespublikaj aranĝoj servas al la pli bona kompreno de la esenco de la esperantista laboro en GDR, al diskuto de atingitaj rezultoj, novaj taskoj kaj vidpunktoj, specialaj fakaj problemoj kaj vere, la konferenco multe laboris, eble ne laŭ la nombro de la kunvenoj, sed laŭ la intenseco de la diskutoj kaj la detaleco de la preparoj. Ĉi-kunlige do iom pri la *enhava preparo*.

Jam en marto CLR prezentis siajn ĉefajn proponojn pri la enhavo de la kolektive ellaborita ĉefreferaĵo kaj pri la diskutproblemoj de la 5 fakgrupoj „agado de la grupoj“, „tradicioj de la laborista esperanto-movado“, „junularo“, „metodiko de la esperanto-instruado“, „interlingvistiko“. Post CLR ĉiuj Distriktaj Laborrondoj diskutis tiujn proponojn kaj faris diversajn amendojn. La konferenco mem okazis en granda kulturdomo de fervojistoj „Franz Stenzer“. Post la *malfermo* de la konferenco, la 1an de junio, posttagmeze, de *Rudi Graetz,* prezidanto de CLR, sekvis la *salutparoladoj* de la eksterlandaj gastoj, ĉiuj varmaplaŭde akceptitaj. Speciale menciindas la informo de *Georgi Dimov,* ke BEA invitos la Universalan Kongreson por 1977 al „la ĉarma varma urbo Varna“.

*D-ro Karl Schulze,* la tradukinto de la romano „Nuda inter lupoj“ estis distingita per en ledo bindita luksa ekzemplero de la verko. La forta aplaŭdo certe ne nur montris la kontentecon pri la bona traduko de beletra verko, sed ankaŭ pri la fakto, ke ĉi-rilate GDR startis ne per iu ajn tradukaĵo, sed per *unuaranga mondliteratura verko* kun granda literatura kaj aktuala valoro.

En sia *ĉefa referaĵo* la prezidanto de CLR montris la interrilatojn inter la evoluo de la internacia politiko kaj la laboro de esperantistoj de GDR. En koncize trafa maniero li reliefigis kelkajn bonajn rezultojn, mankojn kaj antaŭstarantajn problemojn (kp. la eltiraĵojn el la referaĵo pĝ. 7–8.)

La diskutojn en la *du plenkunsidoj* (sabate kaj dimanĉe posttagmeze) partoprenis entute 13 personoj kaj en la *5 fakgrupoj,* kiuj kunsidis pli ol 3 horojn entute, parolis pli ol 80 esperantistoj. Jam tio montras la grandan larĝecon de la spertinterŝanĝo. Iom pri la diskuto. La aktivulo de la pacmovado **Ludwig Schödl** en interesa kontribuo omaĝe al la *25jara jubileo de la Tutmonda Packonsilantaro montris,* ke jam dum la 50aj jaroj la TPK simpatie rilatis al la Esperanto-movado, speciale al la 1953 fondita MEM. La fondinto de TPK, *Joliot-Curie,* kaj la vicprezidantino de TPK kaj prezidantino de la Internacia Demokrata Virina Federacio, *Eugénie Cotton,* kelkfoje esprimis siajn simpatiojn al Esperanto.

**D-ro Hans Eichhorn** atentigis pri kelkaj interesaj aspektoj de la nuntempaj pli aŭ malpli gravaj *doktrinoj en la internacia esperanto-movado.* Bone motivigante li postulis kritike ekzameni la koncepton pri la tiel nomita „lingva imperiismo“, koncepto, kiu parte respegulas objektivajn fenomenojn, sed prenite tro absolute povas nebuligi la esencon de la imperiismo mem kaj fine kondukas al la maoisma teorio de la superpotencoj. Anakronismajn konceptojn li krome vidis en certaj klopodoj revivigi la historie sendube tre meritintan *Internacion de Proletaj Esperantistoj (JPE),* kvankam la fortoj starantaj malantaŭ tiuj konceptoj. ekster ĉiu dubo, atentigas plenĝuste pri la neceso Esperanton uzi ankoraŭ pli bone por la komunista mondmovado. Plene substrekindaj estas liaj konkludoj *„la evoluo de la internacia lingvo Esperanto kaj ĝiaj portantoj nur kompreniĝas sur la bazo de historiaj kategorioj. Sur la*



*bazo de tiuj kategorioj, validantaj por ĉiuj sektoroj de nia socia vivo, ni devos pli kritike ol ĝis nun rilati al diversaj fenomenoj de la Esperanto-movado."*

**D-ro Peter Ruff** en sia kontribuo montris, ke necesas pli multe konscii pri la fakto, ke Esperanto ne nur servas al la kontentigo de personaj interesoj, ne nur estas grava ilo por politika laboro, sed ke ĝi havas *eminentan signifon kiel lingvo de scienca komunikado.*

Tre interesa ankaŭ estis la raporto de **Günter Peters,** estro de Distrikta Laborrondo Rostock, kiu ĉerpis el la pleno de siaj distriktaj spertoj. En humura maniero li montris, kiel la esperantistoj en la nordo de nia respubliko atingis ŝatatan pozicion. Sed tiun prestiĝon ili nur akiris, ĉar al du aferojn ili donas specialan atenton: *al la konkreta internaciisma laboro* kaj al la *kontinua sistema gvidado de la aktivecoj.* La serioza laboro de niaj ĉebaltmaraj amikoj (Baltmara semajno, kunligoj al Szczecin k. a.) ekzemple rezultigis fortan engaĝiĝon de la respondeca por Esperanto sekretariino de la distrikta kulturliga estraro. Substrekendas, ke Esperanto ankaŭ servos al la starigo de rilatoj al fotografoj kaj naturamikoj en Pollando.

**Hans Heinel** tute prave postulis la *ĝustan rilaton inter deziroj, necesaj farendaĵoj kaj konkretaj eblecoj* kaj substrekis la gravecon de efikado de la esperantistoj de GDR eksterlanden. Malfacile estas resumi la *fruktodonan laboron de la 5 fakgrupoj,* kiuj kunsidis la tutan dimanĉan antaŭtagmezon. La fakgrupo *„agado de la grupoj"* precipe okupiĝis pri *problemoj de gvidado* kaj substrekis la *neceson de preciza laborplanado.* Krome sub gvidado oni komprenu **kolektivan** gvidadon kaj ne nur la disdividon de diversaj taskoj al la unuopuloj, sed disdividon de taskoj al tiuj kunlaborantoj, kiuj pro siaj inklinoj kaj kapabloj plej bone povas plenumi ilin (Pri problemoj de gvidado ĉi-numere kaj en la sekvonta kajero ni publicas specialajn kontribuojn).

Pri la problemoj diskutitaj en la tre vigla fakgrupo *„junularo“* ni publikigas ĉi-numere (germanlingve) apartajn konsiderojn. La diskutintoj en la grupo *„metodiko de Esperanto-instruado“* i. a. okupiĝis pri *foresta studo,* aktuale sukcese gvidata de *Ludwig Schödl.* Krome oni rekomendis al CLR fondi *sciencan pedagogian komisionon,* kiu pretigu fundamentan materialon pri la *didaktikaj kaj edukaj avantaĝoj de Esperanto-instruado* kaj ĝia aktuala internacia situacio.

La partoprenintoj de la grupo *„laborista esperanto-movado“* ĉefe diskutis 100paĝan manuskripton de *Detlev Blanke* pri la *kontribuo de la laboristaj esperantistoj en la evoluo de la germana-soveta amikeco 1918–1933* kun sufiĉe densigita enkonduko pri la historio de la internacia kaj germana laboristaj esperanto-movadoj. La ĉeestintaj veteranoj, travivintaj mem la priskribitan historion, taksis la kvaliton de la materialo kiel tre altan.

Tre interesa ankaŭ estis la laboro de la grupo *„interlingvistiko“*. Post enkonduka prezento de *ĝeneralaj problemoj de interlingvistiko* de *d-ro P. W. Ruff,* la konata soveta sciencisto *prof. d-ro Armand* faris vere sensacian raporton pri *„interlingvistiko en USSR“* kaj i. a. konatigis, ke la Akademio de Sciencoj de Soveta Unio *ŝarĝis ek de majo 1974 specialan grupon da sciencistoj sisteme kaj laŭplane esplori la problemon de internacia lingvo.* Estas planite, eldoni diversajn librojn. Pri la evoluo kaj stato de interlingvistiko en USSR ni publicos specialan raporton en unu el la sekvontaj kajeroj. Krome en dua raporto *prof. Armand* pritraktis la problemon de *internacia komunikado en la scienco* sub la kondiĉoj de la scienc-teknika progreso en la hodiaŭa mondo. Resume dirite la plenkunsidoj kaj fakgrupoj prilumis gravajn principojn kaj same fakajn aspektojn de la aktuala kaj estonta agado de esperantistoj de GDR. La diskutoj ĉiuj karakteriziĝis per alta nivelo.

Prave Rudi Graetz en sia ferma parolado substrekis:

*„En la referaĵo mi asertis, ke dum la lastaj du jaroj ni antaŭenmarŝis. Sed tiu tutrespublika konferenco pruvis al ni, ke tio estas vera...“* Kaj aliloke li diris: „Ĝusta afero bezonas paciencon, ĉar ĝi scias, ke pro sia ĝusteco ĝi ne povas perei, ĝis ĝi estos komunaĵo de ĉiuj“.

Kaj tiu ĝusta afero estas la batalo por la paco kaj socialismo, por la grandioza afero de internacia lingvo, por la ŝanĝo de la mondo al vere homa mondo.

La partoprenantoj de la konferenco solidariĝis kun *rezolucio de Packonsilantaro de GDR* proteste al la krimoj de la faŝista junto en Ĉilio. Krome oni akceptis *deklaron pri la estonta laboro de la esperantistoj.* Eble ŝajnas al la legantoj, ke dum tiu konferenco oni nur *laboris, diskutis, deklaris.* Nu, tio ne estas vera.

Dum la vesperoj kaj la grandaj tagmezaj paŭzoj la partoprenintoj povis *spertinterŝanĝi, amuziĝi, ripozi, ĉiu laŭ sia gusto. Kulmino de la sabata* vespero certe estis la prezento de la unupersona spektaklo *„Kaj tamen estas Varsovio“*, prezentita de la aktoro *Andrzej Tomecki* el Varsovio, kiu en leĝere eleganta maniero, do, kiel la „Maurice Chevallier de Esperanto“ kantis, rakontis, recitis pri la malnova kaj nova Varsovio.



*Andrzej Tomecki —*
*la esperanto-trubadoro*

Fakte ne estas tute vere paroli pri unupersona spektaklo, ĉar la multajn diapozitivojn kaj entute teknikon manipulis lia *ĉarma edzino*. La spektaklo esti vera ĝuo, ne nur pro la varia prezento de la tiel suferinta, sed hodiaŭ tiel gaje juna Varsovio, sed ankaŭ pro la flua, natura kaj plene artisma lingvaĵo. Por multaj esperantistoj tio certe estis la unua kontakto kun Esperanto kiel „artisma lingvo". La duan vesperon oni montris la du nove *sinkronigitajn kolorajn filmojn „Hieraŭ ni ankoraŭ estis infanoj"* kaj *„Nia lando"*, kiuj estis akceptitaj per varma aplaŭdo. Diskoteko dancigis la junulojn. Lunde, la 3an de julio interesuloj sub gvido de *Alfred Kraushaar* faris *promenadon tra Berlin*.

Entute, laborriĉaj kaj travivaĵplenaj tagoj, deca kontribuo al la 25jara jubileo de GDR, tagoj, kiuj donis freŝajn pensojn, novajn vidpunktojn (kaj... amik(in)ojn) kaj, antaŭ ĉio, la optimismon necesan por nia laboro.

---

**30 jaroj Popola Respubliko Bulgario**

La 9an de septembro 1974 la bulgara popolo kaj kune kun ĝi ĉiuj siaj multaj eksterlandaj amikoj festis la 30an jubileon de la fondo de socialisma Bulgario. El subevoluinta agrikultura ŝtato Bulgario leviĝis dum tiuj 30 jaroj de socialisma potenco al moderna industria ŝtato kun alta internacia prestiĝo. Grandan rolon en la informado pri la nova Bulgario ludis kaj ludadas la internacia lingvo Esperanto, per kies helpo ankaŭ multaj civitanoj el GDR povis nodi tre profundajn rilatojn al la amika lando.

La modela agado de Bulgara Esperpanto-Asocio, gvidata de sia senlaca prezidanto Nikola Aleksiev, en GDR estas bone konata kaj aprezata.
La esperantistoj de GDR deziras al la bulgara popolo kaj speciale al la bulgaraj esperantistoj multajn novajn sukcesojn por la estonto.

**El la referaĵo de Rudi Graetz**

# Ne staru flanke!

Antaŭ du jaroj en Berlin, unu jaron post la VIII-a partikongreso de USPG kaj kelkajn monatojn antaŭ la 8-a Ligokongreso de Kulturligo kiam ni interkonsilis pri la plua evoluo de nia laboro, akceptis novajn gvidprincipojn por nia agado kaj elektis la Centran Laborrondon, tiam ni entute povis retrorigardi al bona laboro kaj pozitive bilanci.

Mi konscie rilatigas min al nia lasta granda konferenco, ĉar la hodiaŭa tutrespublika kunsido estas taksebla kiel vica daŭrigo de la grandaj kolektivaj spertinterŝanĝoj, kiujn ni havis en 1970 kaj 1972.

Pasis du jaroj post nia lasta granda kunsido. Tio estas tempospaco, historie apenaŭ rimarkebla...

La fortoj de paco kaj socialismo plue plipotenciĝis. La usona imperiismo suferis malvenkon en Sudorienta Azio. En la Proksima Oriento alproksimiĝas politika solvo. La konferenco por sekureco kaj kunlaboro en Eŭropo jam komencis sian lastan etapon. Entute la tendenco al malstreĉiĝo en la internaciaj rilatoj aktuale estas la decida elemento en la evoluo de l'internacia situacio sur la eŭropa kontinento kaj en la mondo. Ni ĉiuj ja havas plej grandan intereson, ke ĉi-tiu procezo estu nenuligebla, ke ĝi ĉiam pli kaj pli profundiĝu. La normaligo de la eŭropa politika situacio, la starigo de bon-najbaraj rilatoj kaj la evoluigo de multflanka reciproke avantaĝa kunlaboro inter ĉiuj ŝtatoj ja ne nur respondas al la intereso de ĉiu civitano, sed ankaŭ estas nemalhavebla kondiĉo por la evoluo de la internacia Esperanto-movado, kondiĉo por la sukceso de tiu afero, al kiu ni dediĉas nian intereson. Kaj ĉar la internacia lingvo Esperanto, la elstara instrumento de internacia lingva komunikado, ja estas ne pli, *sed ankaŭ ne malpli* ol rimedo por la subteno de la evoluo de paca internacia kunlaboro de ĉiuj popoloj surbaze de plena egalrajteco, ĝuste tial por ni esperantistoj estas korafero, plenforte subteni tiun grandiozan procezon de la normaligo de la internaciaj rilatoj.

La internacia evoluo certe ne restas seninflua je la internacia esperantomovado, kio montriĝas kaj en la komenco de ankoraŭ pli intima kunlaboro inter MEM kaj la Tutmonda Packonsilantaro, enkondukita per la subskribo de la „Komuna Deklaro" oktobre 1973 en Moskvo kaj ankaŭ en la evoluo de UEA kaj TEJO. En ambaŭ mondorganizoj, en kiuj GDR laŭ eblecoj kaj celoj kunlaboras kun individuaj respektive kiel kolektiva membro, aktuale oni diskutas pri la maniero de la plua laboro... Kiel ni aktuale devas pritaksi la nivelon de la organizita en Kulturligo Esperanto-movado?

Kion ni atingis? Kiujn mankojn necesas venki? Mi ne povas komplete respondi tiujn demandojn, sed nur volas tuŝi larĝaskize kelkajn problemojn...

Vi certe konsentos kun mi, se mi komprenas la kontribuon de la esperantistoj de GDR en la porpaca batalo kiel dialektikan tuton konsistantan el la aktivecoj por la plifortigo de GDR, por la plifirmigo kaj

pliprofundigo de la amikeco de la socialismaj ŝtatoj, por la plifortigo de la mondpaca movado kaj por la kontraŭimperiisma solidareco...

Konekse al la ĝisnuna agado en la kampo de la informado pri GDR mi ŝatus atentigi pri jenaj aferoj:

— La kvalito de la tradukoj de niaj broŝuroj kaj ankaŭ de la filmsinkronigoj ja ne estas malbonaj, sed tamen ni scias, ke multo ankoraŭ estas multe pli bone farebla.

  Ekzistas aro da lingvaj demandoj, kiuj aperas dum la tradukado de socialismaj nocioj, kiujn oni devus faksperte solvi. Ni bezonas terminaron de modernaj socialismaj nocioj en Esperanto.

— Kaj due. Ankoraŭ mankas la necesa kontinueco en la poreksterlanda informado, necesa por plua konatigo de nia respubliko eksterlande. Kiu ne memoras ĉi-rilate la daŭran kaj gigantan laboron de la vjetnamiaj esperantistoj? Laboro, farita sub la teroro de usonaj bomboj kaj, daŭrigata, nun feliĉe sub pacaj kondiĉoj.

— Kaj tria vidpunkto: La intereso, iam viziti GDR kaj konatiĝi kun ĝi, ĉe niaj eksterlandaj amikoj kontinue kreskas. Tio estas komprenebla afero, klarigebla el la kreskanta allogeco de nia respubliko kaj, ofte ankaŭ kompreneble el la informado de niaj esperantistoj.

Necesa demando en ĉi-tiu konekso: Kiu distrikto kapablos kaj pretos organizi internaciajn tendarojn, seminariojn aŭ kampadejojn kiel tion kun bona sukceso jam longe faras niaj amikoj ekz. en la Pola Popola Respubliko, Hungario, Bulgario aŭ ĈSSR..?...

Neŝanĝite validas, ke forta, en unueco arigita ĉirkaŭ Soveta Unio socialisma ŝtataro estas la plej grava forto en la batalo por paco kaj sekureco, kontraŭ imperiismo kaj milito.

Ni devas lerni ĉiam pli bone, vidi en nia laboro la tutecan evoluon de nia socialisma ŝtataro. La ĉiujaraj konsultiĝoj kaj kontinuaj kontaktoj de la gvidantaroj de la Esperanto-organizaĵoj estas pozitivaj por la alproksimiĝo kaj kunlaboro de la esperanto-movadoj en niaj landoj. Ni jam montras per nia *praktika* kunlaboro, kiom pli intensa kaj pli efika povus esti nia kunlaboro, se nin kunligas ne nur niaj komunecoj en mondpercepto, politiko, ekonomio kaj kulturo, se nin ankaŭ kunligas internacia lingvo ebliganta al ni aktive uzi tiujn komunecojn kaj pliprofundigi ilin.

En la VI-a Ĝenerala Konferenco de MEM, 1973 en Beogrado, kiun ankaŭ partoprenis GDR-delegacio, estis akceptitaj gravaj decidoj por la plua agado de tiu plej progresema internacia Esperanto-organizaĵo. Por la plua agado de MEM estas decide, kiel ĝi kapablos ankoraŭ pli forte mobilizi kaj unuigi la fortojn de la internacia Esperanto-movado, kiuj malgraŭ diversaj ideologiaj konceptoj estas pretaj, fari ion konkretan en la batalo por la paco. Ĉe tio gravas elstarigi la komunaĵojn.

Tio ankaŭ de ni postulas venki certan malvastecon kaj kompreni, ke MEM estas tute ne socialisma organizaĵo kaj ankaŭ tute ne devas esti tia, ĉar ĝi ja speciale devas agi en nesocialismaj rondoj...

Mi provis iom tuŝi nian internacian laboron nepovante komplete trakti ĉiujn problemojn.

Kiel do nia laboro aspektas ene de la Kulturligo? Kiel ni prijuĝu la laboron de la grupoj? La esperantistoj jam longe akiris sian firman pozicion en Kulturligo. Ilia kontribuo renkontas pligraviĝantan pozitivan agnoskon, ankaŭ ne laste pro tio, ĉar la tuta organizaĵo pli forte agas internacie.

Entute oni povas diri, ke estas konate en nia respubliko, ke Esperanto estas serioze traktinda rimedo de internaciaj rilatoj, kaj, ke la esperantistoj en Kulturligo ne estas fantaziuloj, sed digne kontribuas al la popularigo de sia respubliko kaj al la batalo por paco, sekureco kaj kontraŭ inperiismaj militoj. Tion ankaŭ pruvas la ĉiam pli ofte alvenantaj ĉe CLR informpetoj pri Esperanto. Certe al tio kontribuis la diversaj publikigoj i. a. 1972 en „Freie Welt“ kaj 1973 en „Urania“ kaj „Neue Berliner Illustrierte“. Sed decida por la kreskanta intereso ĉiam estis la praktika, politika kaj faka laboroj, realigitaj de la esperantistoj mem.

Se ekzistas antaŭjuĝoj, tiam estas nia devo, ilin senbazigi per nia politike konscia kaj efika internacia laboro.

Aktuale Distriktaj Laborrondoj funkcias en 13 distriktoj kaj en Magdeburg kaj Halle estas Subdistriktaj Laborrondoj el kiuj certe elkreskos Distriktaj.

La nivelo-diferencoj inter la unuopaj Distriktaj kaj Subdistriktaj Laborrondoj kaj grupoj tamen estas ankoraŭ parte tre granda kaj ni devus plibonigi la laboron de multaj grupoj. Ofte iu certa malvasteco estas sentebla, kaj montriĝas i. a. en tio, ke oni pli multe parolas *pri* Esperanto ol *uzas* la lingvon en la praktika kontakto kun eksterlandaj esperantistoj. Estas kompreneble, ke tiam novaj interesuloj aŭ kursfinintoj ne havas tro grandan emon, partopreni la grupan vivon. Ili ja volis lerni internacian lingvon, kiu facile kaj multflanke *estas aplikebla* por internaciaj rilatoj.

Ni ne forgesu, ke la eblecoj por sencohava okupiĝo dum libera tempo ja ankaŭ pli kaj pli multe estas uzataj de niaj civitanoj, sed aliflanke la ŝarĝoj pro kvalifikiĝoj kaj sociaj devoj ne malmultiĝas. Tio nin devigas, decide plibonigi la kvaliton de nia grup-laboro. Ni vere devas ion „oferti“, — estu al mi permesata tiu esprimo, — por ke ni estu „konkurenckapablaj“ en la spirita-kultura vivo...

Tiuj grupgvidantoj, kiuj iam fondis la grupon ofte hodiaŭ estas la solaj, bedaŭrinde, kiuj senlace agas por la grupo. Tio ne ĉiel estas bona signo, kvankam kontinueco de la gvidado ja estas salutinda. Ĉiu gvidantaro devus kritike ekzameni sian strukturon kaj labormanieron kaj eduki novajn kadrulojn. Mi volas tute klare diri, ni bezonos en multaj Distriktaj kaj Subdistriktaj Laborrondoj kaj en la grupoj decidan plijunigon de gvidantaroj. Ĉu tio signifas, ke nun la meritiaj pli maljunaj amikoj ne plu estas dezirataj? Tute ne, male! Ilia konsilo, iliaj spertoj por nia laboro estas necesaj kaj nemalhaveblaj.

Sed temas pri la estonteco de nia laboro. Kiam ni laboristoj dum la 20-aj jaroj gvidis la Germanan Laboristan Esperanto-Asocion (GLEA), la plej multaj de niaj funkciuloj estis malpli ol 30 jaroj. Willi Vildebrand, 1930 elektita unua prezidanto, estis 26jara. Mi mem kun 23 jaroj ja estis juna Distrikta Prezidanto, sed certe ne la plej juna.

La problemo de la estontaj gviduloj laŭ mi vere estas treege grava afero. Tio ne nur rilatas la kadrulojn por nia laboro en la grupoj, distriktoj kaj en Centra Laborrondo, kaj speciale ankaŭ en la junularaj grupoj en GDR, sed same ankaŭ por la internacia laboro. Ni bezonas politike klerajn kaj konsciajn junajn civitanojn, disponantaj pri bona ĝenerala klereco, bona lingva nivelo kaj faka scio.

Ni eble en ĉiuj gvidebenoj pli klopodu trovi tiujn kapablajn kadrulojn kaj eduki ilin.

Nesubtaksinda ankaŭ estas la fondo de pli multaj kursoj, la fondo de novaj grupoj kaj la varbo de novaj membroj.

Se mi ĵus parolis pri la neceso de multaj novaj kursoj, mi ankaŭ pensas pri novaj formoj, ekz. forestaj kursoj, kiuj en multaj landoj jam delonge estas bonsukcese praktikataj.

Mi petas, ke vi kompreneble ne komprenu mian vokon al junaj kadruloj tro malvaste. Ja ĝenerale ni strebas al plibonigo de la junularaj aktivecoj ...

1972 ni diris en niaj novaj Gvidprincipoj: „En intima kunlaboro kun la socialisma junulara organizaĵo ĉiuj grupoj kaj gvidorganoj de la esperantistoj klopodas atingi junulojn por sia laboro, per tio kontribuante al la eduko de la junuloj al socialismaj civitanoj".

Nu, en aprilo ĉijare oni subskribis interkonsenton pri kunlaboro inter Libera Germana Junularo (Freie Deutsche Jugend, FDJ) kaj Kulturligo, kiu donos al ni novajn eblecojn.

Denove de ni dependas, kiel ni sukcesos realigi tiun Interkonsenton ankaŭ per nia kontribuo, kaj per tio ankaŭ utilante al nia junulara aktivado. Mi ankaŭ ne volas kaŝi, ke ni tute ne kontentas kun la apermaniero de nia revueto „der esperantist". Ankaŭ estonte ni tre serioze klopodos, reatingi la malnovan ritmon. Bedaŭrinde la sukceso de tiuj klopodoj ne nur dependas de ni, sed ankaŭ de la presejo, kie ekzistas objektivaj malfacilaĵoj.

Mi nun volas turni min al kelkaj problemoj de nia faka laboro. Se nia politika konvinkado estu efika, ne sufiĉas bonaj argumentoj. Ili ankaŭ estu prezentitaj en korekta kaj stile bona lingvaĵo. Ankoraŭ multon ni devas fari, por ĉi-rilate atingi la internacian nivelon ...

Pli fortan atenton ni devas doni al la plibonigo de la Esperanto — instruado en la unuopaj kursoj. Necesas krei eblecojn, kiuj servos al la regula spertinterŝanĝo pri la plej bonaj metodoj.

Ĉiu kursgvidanto lernu de la moderna lingvoinstruado en niaj lernejoj, speciale de la Popolaj Altlernejoj.

Mi ne volas forgesi, ankaŭ atentigi pri la farita scienca laboro de la „fakgrupo interlingvistiko/esperantologio", kiu trovas kreskantan intereson en sciencaj rondoj de nia respubliko.

En kelkaj sciencaj kunsidoj dum la lastaj du jaroj ĝi okupiĝis pri problemoj de la aŭtomata lingvotraduko kaj pri la ampleksa problemaro „Internacia lingva komunikado kaj la evoluo de la produktivaj fortoj".

Kolokvoj kun sciencistoj de la universitato en Jena kaj altlernejoj el Leipzig tute klare montris, ke tiu fakgrupo povis ion doni al kvalifikitaj sciencistoj, ke ĝi estas la sola kaj pri la sciencaj aspektoj de Esperanto plej bone informita instanco en GDR.

Ĉi-rilate ni nur staras je la komenco de tre grava laboro. Ja 1973 en GDR eĉ tri ampleksaj sciencaj studoj aperis pri Esperanto respektive pri la problemo de internacia lingvo.

Unu studo pri mondlingvoj kaj mondhelplingvoj de prof. d-ro Harry Spitzbardt kaj du studoj de Detlev Blanke pri la Plena Ilustrita Vortaro kaj i. a. pri la ĉiam denove diskutita demando ĉu ne eventuale la latina lingvo povus fariĝi la internacia.

Gravan internacian efion ankaŭ elvokis la studo de prof. d-ro Falkenhahn pri lernunuoj. Prof. Falkenhahn, kiu bedaŭrinde ne povas partopreni nian konferencon, preparas pri tio ampleksan disertaĵon.

Ni do povus resumi, ke ni en nia tuta laboro dum la lastaj jaroj denove bone progresis. Tamen aron da mankoj en nia laboro ni ne ignoru. Ne kreskis niaj aktivecoj samritme kun la postuloj, starigitaj al la kvalito kaj kvanto de internacia laboro...

Se mi rajtas ankoraŭfoje resumi la plej gravajn taskojn solvendajn dum la estonta tempo, mi nomus la jenajn:

- Esenca plibonigo de la kvalito de nia politika-ideologia kaj faka laboro, precipe en la grupoj, per koncentriĝo je nur kelkaj sed interesaj projektoj. Ĉi-rilate speciale gravas la plua konscia kaj laŭplana evoluigo kaj pliprofundigo de la amikeco al la esperantistoj de Soveta Unio, niaj najbaraj ŝtatoj kaj la aliaj landoj de la socialisma komuno.

- Evoluigo de la junulara laboro, kreo de pluaj junularaj grupoj, plijunigo de la gvidantaroj, evoluigo de junaj kadruloj, do entute la plibonigo de la kolektiva gvidlaboro.

- Plilarĝigo de nia bazo per plimultaj kaj pli bonaj kursoj.

Karaj ligo-amikoj!

Ni memorigu al ni, *kial* ni ĉiuj tiel intense okupiĝas pri Esperanto. La motivoj certe estas diversaj. Sed ni ĉiuj certe interkonsentas, ke Esperanto al ĉiu el ni donas la vojon al multaj profundaj emociaj travivaĵoj kaj peras multe da valoraj scioj. Ĉio-ĉi kontribuas al la plua elformigo de niaj personecoj. Jam per tio evidentiĝas, ke por ni Esperanto ne estas memcelo, sed rimedo por celo, rimedo por la kontentigo de niaj multflankaj interesoj troviĝantaj en la internacia sfero.

Kio kompreneble nin ĉiujn tuŝas, estas la demando pri la estonteco de nia lingvo. Nu, mi kredas, ke ankoraŭ neniam ekzistis tiel favoraj evolueblecoj por nia lingvo, kiel en nia aktuala epoko. Nur gravas, ke ni trovu la ĝustajn apliko-terenojn, celojn kaj metodojn. La giganta intensiĝo de la internacia kunlaboro rezultanta el la evolustato de la produktivaj fortoj kaj speciale klare videbla en scienco kaj tekniko, postulas raciigon de la internacia lingva komunikado. Pri tio ne ekzistas dubo. La politiko de la socialismaj ŝtatoj, subtenata de la kreskanta potenco de progresemaj fortoj, ĉiam pli kaj pli kondukas al tio, ke **tiuj** kondiĉoj evoluu sur la tero, kiuj garantios pacan kaj sukcesan kunlaboron de ĉiuj popoloj. Sub tiuj elformiĝantaj kondiĉoj la internacia lingvo havos pli grandajn eble eĉ decidajn sukcesojn.

Ni ne staros flanke, sed kunhelpos, ke ekestu tiuj kondiĉoj, mondo sen milito, homa mondo.

Ĉe la fino permesu al mi citi kelkajn vortojn de Johannes R. Becher, nia poeto kaj la unua prezidanto de Kulturligo:

„La esenco de la personeco ne estas en la unuopiĝo, izoliĝo, ne en iu flankeniĝo de la homara evoluo kaj en iu foreco de la aferoj, sed en iu profunda kaj ĉiuflanka kunligiteco al la mondo kaj al la vivo de la homaro“.

Ni pruvu, ke ni ne staras flanke!

## *Abschlußerklärung*

**der Teilnehmer der Republikstagung der Esperantisten im Kulturbund der DDR am 1. und 2. Juni 1974 in Berlin**

Die Teilnehmer der Republikstagung der Esperantisten im Kulturbund der DDR begrüßen einmütig die großen Erfolge im Prozeß der Annäherung der sozialistischen Staaten, einem Prozeß, der von entscheidender Bedeutung für die sich abzeichnende Tendenz zur Entspannung in den internationalen Beziehungen ist.
Sie sehen in dieser historischen Entwicklung die günstigsten Bedingungen für die Sicherung des Friedens, einem Ziel, dem das ganze Wirken der Esperantisten der DDR dient.
Die im Kulturbund der DDR organisierten Esperantisten können im 25. Jahr des Bestehens der Deutschen Demokratischen Republik auf gute Ergebnisse bei der Verwirklichung der Beschlüsse des VIII. Bundeskongresses des Kulturbundes zurückblicken.

Nach einem breiten kollektiven Erfahrungsaustausch, in dem die nach dem VIII. Parteitag der SED geleistete Arbeit der Esperantisten der DDR eingeschätzt und über die wichtigsten Aufgaben für die nächsten Jahre beraten wurde und im Bewußtsein ihrer politischen Verantwortung unterstreichen die Teilnehmer der Tagung ihren festen Willen, in verstärktem Maße ihren Beitrag zu leisten

- *bei der Vermittlung eines realen Bildes über die sozialistische Entwicklung der DDR gegenüber den ausländischen Esperantisten;*
- *im Wirken für die allseitige Vertiefung der Freundschaft und Zusammenarbeit mit der Sowjetunion und den anderen sozialistischen Staaten sowie bei der Erläuterung der Probleme der sozialistischen ökonomischen Integration;*
- *im Kampf um die weitere Entspannung der internationalen Beziehungen;*

Die Teilnehmer der Tagung waren sich darin einig, daß die in den „Leitsätzen für die Arbeit der Esperantisten im Kulturbund der DDR" gegebene Orientierung sich bewährt hat und eine gute Grundlage für die weitere Arbeit bildet, besonders auch in Vorbereitung des 25. Jahrestages der DDR und des 30. Jahrestages der Zerschlagung des Hitlerfaschismus durch die Rote Armee.

Die in den letzten Jahren gesammelten Erfahrungen machen aber deutlich, daß die Leitsätze mit noch besserer Qualität verwirklicht werden müssen. Das bedeutet vor allem:

- *die politisch-ideologische und fachliche Arbeit — als eine untrennbare Einheit — in allen Gruppen auf ein höheres Niveau zu heben, in die Leitungen verstärkt junge Esperantisten mit einzubeziehen und die Arbeit noch effektiver zu gestalten;*
- *im Sinne der Vereinbarung zwischen dem Kulturbund und der FDJ die gesamte Arbeit mit den jungen Esperantisten wesentlich zu verbessern;*
- *auf der Grundlage der „Gemeinsamen Erklärung des Weltfriedensrates und der Weltfriedens-Esperanto-Bewegung (MEM)" die spezifischen Möglichkeiten der Esperantisten für die Verwirklichung der Ziele der Weltfriedensbewegung noch wirksamer zu nutzen;*

# Deklaro
## de la konferenco de Packonsilantaro de la Germana Demokratia Respubliko

*Ni scias, en la provincoj, urboj kaj vilaĝoj de Ĉilio plu daŭras la neniiga militiro kontraŭ sinceraj patriotoj. Enkarcerigoj, torturadoj, pafmortigoj, tia estas la sangpotenco de la faŝisma militista junto depost pli ol 250 tagoj kaj noktoj en Ĉilio!*

*Ni scias, ke la vivoj de Luis Corvalan, ĝenerala sekretario de la KP de Ĉilio, Clodomiro Almeyda, Andelmo Suĺe, pluaj membroj de la leĝa registaro de Unidad Popular, elstaraj sindikataj gvidantoj kaj universitataj profesoroj estas treege minacataj.*

*Ni scias, la aĉeteblaj malamikoj de la ĉilia popola, la malamikoj de ĝia libereco, de ĝia demokratio, de ĝiaj homrajtoj, de ĝiaj socialaj atingaĵoj, per hontindaj militist-tribunalaj procesoj, kies juĝoj, jam de antaŭe estas fiksitaj, volas likvidi eminentajn patriotojn de Ĉilio.*

*Tial, en la nomo de milionoj da kunbatalantoj, ni hodiaŭ de tiu ĉi konferenco intensigas la pasian vokon:*

- *kiu en la mondo amas la pacon kaj la liberecon, tiu pri tio ne povas silenti!*
  *Nia loko ĉiam estos ĉe la flanko de la batalantaj ĉiliaj patriotoj.*
- *Kiu estas por la rajtoj kaj la digno de la homoj, al tiu devas esti altvalora la solidareco kun la ĉiliaj laboristoj kaj kamparanoj, la por humanismo kaj homrajtoj spirite laborantaj intelektuloj kaj eklezíaj personecoj.*

*Ni tial denove deklaras nian konvinkon kaj promesdevigon:*

- *la liberec- kaj pacvolo ne estas mortigebla,*
- *la legitima afero venkos, por kiu batalmortis Salvador Allende, por kiu riskas sian vivon Luis Corvalan kaj liaj kuraĝaj kunbatalantoj!*

*Komune kun ĉiuj, kiuj dediĉis sin al la feliĉo kaj al la progreso de la homaro, ni postulas:*

*For la manojn de Luis Corvalan!*

*Liberecon por ĉiuj, kiuj estas minacataj de la ekzekutisto!*

*Fino kun la sanga teroro kontraŭ viroj, virinoj kaj infanoj!*

*Likvido de ĉiuj koncentrejoj!*

*En Ĉilio denove devas validi la homaj rajtoj!*

*Konferenco*
*de la Packonsilantaro de GDR*

*Berlin, la 23an de majo 1974*

*Akceptita la 1-an de junio 1974 de la partoprenintoj de la tutrespublika konferenco de esperantistoj de GDR.*

*Tradukis:*
*Rudi Graetz, membro de la Packonsilantaro de GDR*

---

(resto de paĝo 12)

- *die internationalen Verbindungen der Esperantisten in stärkerem Maße für die gesamte Tätigkeit des Kulturbundes zu erschließen.*

Berlin, den 2. Juni 1974

(Findeklaro de la partoprenintoj de la tutrespublika konferenco de la esperantistoj de GDR)

# Agado de esperantistoj en GDR 1973

La esperantistoj de GDR, organizitaj en la asocio de kulturaj organizoj „Kulturligo de GDR", sub gvido de Centra Laborrondo Esperanto (la gvidinstanco) daŭrigis sian sukcesan laboron en 1973. Menciindas la kunlaboro en la preparkomitato por la *Monda Festivalo de la Junularo kaj Studentoj* (aŭgusto 1973) en Berlin kun grava propaganda efiko kaj la organizo de tuttaga esperantista aranĝo dum la festivalo. Eldoniĝis okaze de la festivalo *70paĝa ilustrita broŝuro „Junularo"* kaj *24paĝa kolora prospekto* pri GDR, senpage senditaj kaj plue sendeblaj eksterlanden. Krome denove eldoniĝis luksa numero de *„Paco"*, 40paĝa. Centra Laborrondo sinkronigis la *kolorajn filmojn* „Hieraŭ ni ankoraŭ estis infanoj" (junularo de GDR) kaj „Nia lando" (pri GDR). Speciale bone evoluis la *kontaktoj kun polaj kaj ĉeĥaj esperantistoj.* Estis organizitaj diversaj *internaciaj ĉelimaj renkontiĝoj.* Kulturligo, kiu plene subvencias la tutan agadon de la esperantistoj de GDR (krom la oficejon de CLR kun oficistaro, disponigas ankaŭ ejojn en kluboj kaj kulturdomoj kaj honorficajn kunlaborantojn), en kreskanta kadro propagandas Esperanton ankaŭ en siaj aliaj fakorganizaĵoj (i. a. filatelistoj). La *tutrespublika propagando* por esperanto 1973 plue bone progresis. Aperis 2paĝa intervjuo en la plej granda semajna ilustrita revuo (NBI 11/73) kaj en la popularscienca „Urania" 5/1973. Krome la taggazeto „Der Morgen" (La Mateno) aperigis sian 300an Esperanto-angulon (ek de 1965). En gravaj distriktaj tagaj gazetoj en la distriktoj Dresden kaj Leipzig komencis aperi Esperanto-kursoj. Plue aperis *pliaj ĉirkaŭ 100 pli gravaj artikoloj* en plej diversaj ĵurnaloj kaj gazetoj de GDR.

Centra Laborrondo per *tri plenkunsidoj* (unu en kampadejo ĉe Karl-Marx-Stadt, speciale pri junulara movado) kontinue kaj kolektive daŭrigis la gvidadon de la movado, inter alie okazis 20 pli grandaj distriktaj konferencoj. Krome okazis *senpaga 7-taga seminario por 38 kursgvidantoj.*

Nun en ĉiuj distriktoj de GDR ekzistas distriktaj kaj subdistriktaj esperantistaj gvidorganoj en kadro de Kulturligo.

Speciale menciindas la *scienca laboro* de la fakgrupo por interlingvistiko kaj esperantologio, kiu organizis tre sukcesan *sciencan kolokvon* kun pli ol 30 neesperantistaj sciencistoj en la universitata urbo *Jena* (pri mondlingva problemo, kompara esperantologio kaj signifo de interlingvistiko) kaj *same en Leipzig.* La aperadanta 18-voluma enciklopedio de GDR akceptis novdifinojn resp. korektojn (pri Esperanto, interlingvistiko, internaciaj lingvoj) de tiu fakgrupo, kiu havas la prestiĝon de la aktuale sole kompetenta scienca instanco en GDR pri planlingvaj problemoj kaj Esperanto. Aperis en la *prestiĝaj akademiaj lingvistikaj revuoj* 6 paĝa recenzo pri PIV („Zeitschrift für Phonetik, Sprachwissenschaft und Kommunikationswissenschaft" 1/2/1973) kaj pri „La antikvaj lingvoj kaj la problemo de mondhelplingvo" (10 paĝa) en „Das Altertum" 3/1973, ambaŭ sciencaj artikoloj de *Detlev Blanke.* Menciindas ankaŭ la internacian eĥon rezultinta ampleksa eseo de *prof. Falkenhahn* pri komparo de lernunuoj de Esperanto kaj germana lingvo („der esperantist" 61/62). Instigite de la interlingvistika agado sciencistoj ekinteresiĝas sporade sed ĉiam pli ofte pri Esperanto. Tion ankaŭ pruvas la ampleksa kaj por Esperanto sufiĉe pozitiva eseo de *prof. d-ro Harry Spitzbardt* „Weltsprachen und Welthilfssprachen" en la citita „Zeitschrift für Phonetik . . ." 6/1973.

# Wie weiter mit der Jugend?

Die Arbeitsgruppe „Jugend" im Rahmen der Republiktagung der Esperantisten (am 1. und 2. Juni 1974 in Berlin) war mit 60 Teilnehmern die am besten besuchte. Das ist erfreulich. Erfreulich war auch die rege Diskussion, die viele neue Gedanken brachte. So wurde gefragt, *was denn „Jugendarbeit" eigentlich besage. „Leiten" und „gestalten" ältere Bundesfreunde die Arbeit mit Jugendlichen? Oder sollten es nicht letztere selbst sein, die ihre eigenen Aktivitäten zu leiten haben? Kann man diese Fragen überhaupt so stellen? Wie kommen die Interessen der jungen Esperantisten in den Gruppen und übergeordneten Leitungsgremien zur Geltung? Hat sich das System der Jugendvertreter bewährt? Was macht eigentlich die Jugendkommission beim Zentralen Arbeitskreis?*

Solche und ähnliche Fragen verlangen Antwort. Sowohl bereits im Hauptreferat des Vorsitzenden des Zentralen Arbeitskreises als auch in der 3stündigen Debatte der genannten Arbeitsgruppe wurden neue Ideen angeboten. Unter Berücksichtigung der Vereinbarung zwischen dem Kulturbund der DDR und der FDJ können etwa folgende Aufgaben in Angriff genommen werden:

1. Alle Bezirksarbeitskreise sollten sich ernsthaft mit der Situation der Jugendarbeit in ihrem Bezirk in einer besonderen Sitzung befassen.
2. Alle jungen Esperantisten der Bezirke bis zum 25. Lebensjahr sollten erfaßt und in einer besonderen Bezirksveranstaltung — möglichst noch bis Ende des Jahres — zusammengeführt werden. Auf dieser Veranstaltung gälte es, über die inhaltlichen und methodischen Fragen einer wirksamen Jugendarbeit zu beraten.
3. Ein „Jugendaktiv", das aus einigen fähigen und aktiven Jugendlichen zu bilden wäre, nimmt als Organ des Bezirksarbeitskreises seine Tätigkeit auf und entfaltet eigene Initiative.
4. Der Vorsitzende dieses Jugendaktivs sollte Mitglied des Bezirksarbeitskreises sein und wird in die Jugendkommission des Zentralen Arbeitskreises kooptiert.
5. Die Aufgaben des Bezirksjugendaktivs, das enge Verbindung zum Bezirksarbeitskreis hält, könnten u. a. folgende sein:
   - Regelmäßige Durchführung von spezifischen Jugendveranstaltungen, bei denen Jugendliche auch mal „unter sich" sein müssen. (Interessante Diskussionsabende, evtl. zusammen mit der FDJ, Wochenendausflüge, Zelten am Wochenende, Treffs in Jugendherbergen, Begegnung in der Diskothek usw.)
   - Die Entwicklung der Beziehungen zu jungen Esperantisten der sozialistischen Länder sollte zielstrebig verstärkt werden.
   - Aufnahme von Kontakten zum Jugendverband und — entsprechend den örtlichen Möglichkeiten und Voraussetzungen — die Realisierung gemeinsamer Aufgaben.
   - Der Leiter des Jugendaktivs hält ständigen Kontakt zum Vorsitzenden der Jugendkommission beim ZAK.
6. Die Bezirksjugendaktive, sie werden relativ klein sein, sollten sich von vornherein um Verbindungen zu den Nachbarbezirken bemühen und mit ihnen zusammen größere Veranstaltungen gemeinsam organisieren.

# „Kiel pliviglig la grupojn?" (IV)

## La strukturo de Kulturligo kaj la esperantistoj

*Nia rubriko jam fariĝis io kutima kaj rezultigis certan eĥon. Do ŝajnas, ke niaj konsideroj renkontas certan intereson. Ĉi-numere ni volas prezenti la gvidadan strukturon de Kulturligo, por en sekvonta numero pli bone povi pritrakti kelkajn problemojn de gvidado de la esperantistoj. Kompreneble kompleteco ne eblos kaj certaj plisimpligoj ne estos eviteblaj.*

*La celo de Kulturligo de GDR estas, kunigi kulture interesitajn homojn, speciale intelektulojn en komuna organizaĵo, subteni la elformiĝon de socialisma kulturo kaj la evoluon de socialisma personeco.* Por tio servas la okupiĝo en diversaj interesosferoj kiel *literaturo* kaj *arto, scienco, fotografio, naturamikoj, filatelo* kaj (ek de 1965) *Esperanto.* Ili ĉiuj kuniĝas en unuecaj kulturligaj grupoj. Tiuj grupoj havas elektitajn *kompleksajn estrarojn,* en kiuj kuniĝas reprezentantoj de la plej diversaj intereso-sferoj. La hirarĥio iras de loka grupa estraro, al subdistrikta, distrikta kaj respublika. La subdistriktaj aŭ distriktaj estraroj por povi gvidi la laboron laŭ la diversaj fakaj interesoj, havas *subdistriktajn* aŭ *distriktajn laborrondojn* aŭ *komisionojn* je la dispono, ekzemple por literaturo, muziko, fotografio, filatelo, Esperanto k. t. p.

Sur respublika nivelo la plej *supera organo* estas la *Prezidia Konsilantaro kun la Prezidio* kaj ties *sekretariato.* La sekretariato de la prezidio havas je la dispono *oficejan aparaton kun diversaj sekcioj.* En la *sekciaj oficejoj* laboras la sekciestroj (por literaturo, filatelo, Esperanto k. t. p.) kun siaj politikaj kaj administraj kunlaborantoj. Ili gvidas la politikan kaj fakan laboron laŭ la diversaj intereso-sferoj. La *honoroficaj fakinstancoj* de la Prezidia Konsilantaro estas diversaj: Centraj komisionoj (por fotografio, naturamikoj k. t. p.) aŭ Centraj Laborrondoj (ekz. por Esperanto).

---

(resto de paĝo 15)

7. Die Jugendkommission des Zentralen Arbeitskreises wird neu gebildet und besteht aus einem Aktiv von Jugendlichen. Diese Freunde werden aus leitungstechnischen Gründen zum überwiegenden Teil aus Berlin stammen. Hinzu kommen die Leiter der Jugendaktive der Bezirksarbeitskreise.

   Die Jugendkommission des ZAK tritt regelmäßig zusammen, leitet die spezifische Arbeit der jungen Esperantisten an, führt regelmäßige Beratungen und Erfahrungsaustausche durch und sorgt für einen zügigen Informationsfluß.

*Alle jungen Esperantisten sind aufgerufen, an der Neugestaltung einer interessanten und vielfältigen internationalen Jugendarbeit mitzuwirken.* Hinweise und Vorschläge sind jederzeit willkommen. *Im übrigen, es reicht nicht, über Jugendarbeit zu schreiben oder zu sprechen!*

*Resumo:* Konsideroj pri novaj formoj de junulara laboro de la esperantistoj de GDR.

Ĉiujn 4 jarojn de sube supren estas elektataj la kompleksaj estraroj. La *ligo-kongreso* elektas fine la respublikajn estrarojn kaj la prezidanton. Ek de la subdistrikta nivelo la kompleksaj kulturligaj estraroj havas *sekretariatojn kun profesiaj oficistoj.* Ĝis nun ni nur parolis pri la kompleksaj gvidinstancoj.

Sed fakte la kulturpolitika laboro ja pli kaj pli diferenciĝis laŭ la diversaj interesosferoj. Do la *konkreta hobio, la intereso-objekto* fariĝis la *ĉefa punkto,* ĉirkaŭ kiu kolektiĝis la kulturliganoj. Responde al tiu fakto, ke la konkreta aktivado ne nur realiĝas en la komplekse gvidataj lokaj, subdistriktaj kaj distriktaj organizaĵoj, sed principe en la grupoj de filatelistoj, astronomoj, muzikamantoj, fotoamikoj, esperantistoj k. t. p. la *fakaj estraroj* (komisionoj, laborrondoj) fariĝis pli kaj pli gravaj, surprenis pli kaj pli da memstare solvendaj taskoj.

Tial oni fakte havas apud la kompleksa gvidhierarĥio ankaŭ, ni diru, simplige, fakan hierarĥion. Kiel ni jam diris, la kompleksa distrikta kulturliga estraro havas je sia dispono distriktajn fakkomisionojn aŭ laborrondojn por la diversaj fakoj.

Tiuj *fakkomisionoj,* ĉe la esperantistoj nomitaj *„laborrondoj"* ankaŭ siavice estas demokratie elektitaj.

Ekzemple la esperantistoj **ĉiun kvaran jaron elektas** la subdistriktajn, distriktajn laborrondojn kaj Centran Laborrondon. Jam tuj evidentiĝas, ke fakte Kulturligo laŭ strukturo estas treege interesa socia organizaĵo. Ĝi estas *tegmenta organizaĵo de diversaj fakorganizaĵoj.* Sed tiuj fakorganizaĵoj ne laboras izolite unu disde la alia. Ili ĉiuj agadas en multaj rilatoj kune, ĉiu laŭ sia specifikeco, por la solvo de la ĉeftasko, evoluigi multfacetan, interesan kulturspiritan vivon, kiu servu al la eduko de socialisma homo. La dialektikaj rilatoj inter kompleksa kaj faka strukturoj de Kulturligo donas al la unuopaj fakorganizaĵoj la eblecon plej eble plene enkadriĝi en la socian vivon. *Isoliĝo, sektiĝo, vegetado ĉe la periferio de la socio do ne eblas, eĉ ne por la esperantistoj, feliĉe.*

*Centra Laborrondo Esperanto,* oni ankaŭ simple povus ĝin nomi „Centra Komisiono" aŭ „Centra Komitato de la esperantistoj, organizitaj en Kulturligo", havas sian iom strangan nomon pro Kulturligo-specifikaj kaŭzoj, ĉi-tie ne detaligendaj. Kiel ĉiu centra fakgvidantaro, kiu konsistas el honoroficaj membroj, CLR Esperanto ankaŭ havas *profesian oficejon.* Ĝi lau la profesia strukturo de la sekretariato de prezidio de Kulturligo kaj ties oficeja aparato estas la *sekcio Esperanto* kun *sekciestro* kaj du *administraj kunlaborantinoj.* Honorofice la sekciestro estas nomebla *„sekretario de CLR"* sed fakte havas multe pli da kompetenteco ol ĝenerale sekretario de iu Esperanto-organizaĵo. Dum la tempo inter la kunsidoj de Distriktaj Laborrondoj kaj de CLR, *laboraktivo* (la agadkerno) realigas la starigitajn taskojn. Do la „laboraktivo" de CLR kompareblas al la prezidio de iuj esperanto-organizoj. CLR aktuale konsistas el 35 membroj, la laboraktivo el 7.

Laŭ la skizita sistemo la gvidrilatoj kaj subordigiteco do ĉiam estas *dubranĉa.* La *Subdistrikta Laborrondo* Esperanto gvidas la diversajn grupojn en la teritorio. Ĝi respondecas kaj al la *subdistrikta kulturliga estraro* kaj al la *Distrikta Laborrondo Esperanto.* La *Distrikta Laborrondo* siavice respondecas al la *distrikta kulturliga estraro* kaj al *Centra Laborrondo. Centra Laborrondo* respondecas al la *Prezidia Konsilantaro* kaj ties *Prezidio de KL.*

# LA MONDA PAC-MOVADO 25-JARA

## (EL SOLENA KUNVENO EN VARSOVIO)

La Monda Paĉ-Movado solenas en la nuna jaro kvaronjarcenton de sia agado.

La ideo de tiu ĉi potenca, ĉirkaŭprenanta hodiaŭ la tutan mondon movado kiu starigis al si kiel ĉefcelon la batalon por la plej gravaj al la homaro aferoj — por la paco, libereco, justeco kaj amika kunlaboro inter la nacioj, sub ĉiu geografia larĝo, kaj sur ĉiuj kontinentoj, naskiĝis en Pollando, en la 1948-a jaro, dum la Kongreso de Intelektuloj Defende por la Paco.

Pri la atingoj kaj evoluo de tiu ĉi plej universala socia movado de niaj tempoj, oni parolis la 15-an de majo 1974 en Varsovio dum la renkonto, kiun partoprenis agantoj de la pola pacmovado, reprezentantoj de politikaj kaj sociaj organizaĵoj, (inter ĉi-lastaj ankaŭ de la Pola Esperanto-Asocio) verkistoj kaj kulturagantoj.

Por la renkonto venis al la pola ĉefurbo la ĝenerala sekretario de la Monda Pac-Konsilantaro — *Romesh Chandra* kaj sekretario de la Konsilantaro — *Nikolaj Woŝĉynin,* kiuj antaŭ la komenciĝo de tiu ĉi renkonto vizitis la I-an sekretarion de la Centra Komitato de la Pola Unuiĝinta Laborista Partio — *Edward Gierek,* enmanigante al li en la nomo de la Monda Pac-Konsilantaro la Oran Medalon de la Paco je la nomo de Joliot-Curie pro la eminenta kontribuo al la afero de l'paco kaj amikeco inter la nacioj.

La jubilean renkonton malfermis la prezidanto de la Tutpollanda Pac-Komitato — *Józef Cyrankiewicz,* kiu rememorigis la komencojn de la agado de la pac-movado en la mondo kaj ĝian kreskantan de jaro al jaro atingecon.

Al la taskoj de la Monda Pac-Movado en la hodiaŭa tempo dediĉis sian paroladon la ĝenerala sekretario de la Monda Pac-Konsilantaro — *Romesh Chandra,* kiu i. a. konstatis:

---

(resto de paĝo 17)

Kompreneble la respondeco ne nur funkcias de malsupre supren, sed ankaŭ inverse. Do CLR respondecas antaŭ la Distriktaj Laborrondoj, tiuj antaŭ la subdistriktaj kaj tiuj antaŭ la grupoj.

Per tiuj du respondeco-branĉoj la politika kaj faka laboro de la esperantistoj estas tre efike subtenata, ĉar Kulturligo ne nur disponigas siajn teknikajn rimedojn, kunlaborantojn, financojn, sed ankaŭ sian prestiĝon. Kulturligo apartenas al la malmultaj sociaj organizaĵoj en GDR, kiuj havas *deputitojn* en ĉiuj ebenoj, ankaŭ en la popola parlamento (Popola ĉambro).

La *bazaj dokumentoj,* laŭ kiuj la Kulturligo laboras, estas la statuto, la diversaj gvidprinciparoj de la fakaj centraj organoj kaj aliaj deciditaj dokumentoj.

Kulturligo do disponas pri *vaste elformiĝinta demokratio,* kiu respondas al la socialisma socio. En la sekvonta kontribuo ni iom priskribas la praktikajn problemojn de la gvidado de la esperantistoj.

D. Blanke (Daŭrigota)

## Diskreta demando

Estis dum la respublika konferenco.

La unua matenmanĝo por niaj gastoj okazis en eksterordinara loko en nekutima alteco de 235 metroj. Super ni la nubeca ĉielo kaj sube la liliputa urbo; ni sidis en la televidtura kafejo. Unu el la gastoj, klinante sin al mia orelo, flustris:

*Sinjorino, ĉu vi permesas al mi diskretan demandon?*

Kun ekbatanta koro mi kapjesis, ĉar oni ja devis esti ĝentila kaj komplezema al estimataj gastoj.

*Por ke vi komprenu min, mi unue devas konfesi ion al vi!*

Denove mi kapjesis ruĝiĝante.

*Sinjorino, mi estas pasia kolektanto de menukartoj. Ĉu tiu ĉi bela ronda menukajereto sur la lablo estas aĉetebla? Se ne, ĉu vi bonvole konsentus, ke mi ĝin ŝtelu?*

Rokoŝtonto falis de sur mia koro!

Ĉar tiaj menukartoj estis aĉeteblaj suveniroj en la televidtura kafejo.

H. Sauerbrey

## Rudi Graetz, membro de Packonsilantaro de GDR

En la kunsido de la *Packonsilantaro de GDR*, la 23an de majo 1974, *elektiĝis kiel membro ankaŭ la prezidanto de Centra Laborrondo Esperanto en KL de GDR*. Tiu paŝo certe estas sekvo de la „Komuna deklaro" inter Tutmonda Packonsilantaro kaj MEM.

---

(resto de paĝo 18)

„Por ni, en la tria kvarono de la nuna jarcento, la ĉefa tasko estas tia formado de la socia opinio, ke la procezo de malstreĉiĝado fariĝu nedeturnebla, kaj la politiko de malstreĉiĝado alportu malstreĉecon militaran. Apud la tasko defendi la pacon, ni tamen devas entrepreni ankaŭ aliajn taskojn, kiujn ni nomas taskoj ligitaj kun la konstruado de la paco. El inter ili la plej gravaj estas: batalo kontraŭ malsato, mizero, batalo por la ekonomia evoluo — batalo por homaj aferoj. Kompreneble ni estas treege interesitaj pri antaŭmalhelpo al monda milito, pri likvidado de agresoj tie, kie ili aperas, pri forigado de militfokusoj en Hindoĉinio kaj Proksima Oriento, pri la situacio en Ĉilio. Tiuj ĉi estas la principaj direktoj de nia interesiĝo. Samkiel la problemoj de la konstruado de internacia sekureco, plua plifirmigado de la sekureco kaj kunlaboro en Eŭropo, aferoj de kreo de sistemo de komuna sekureco en Azio. Unu el la plej gravaj taskoj de la pac-movado en la nuna etapo estas ekligado de kunlaboro kun tiuj sociaj fortoj, kiuj ankoraŭ antaŭ nelonge okupis malsamajn ol ni poziciojn. Tio ĉi okazas pro tio, ĉar sekvis ŝanĝoj en la mondo kaj tio ĉi estas nova pruvo de ŝanĝoj, kiuj efektiviĝis. Tio ĉi konsistigas respeguligon de la paco kaj malstreĉeco, kiel estas ankaŭ respeguligo de nova klimato en la mondo."

(Laŭ materialo ricevita de Pola Eperanto Asocio)



*Detlev Blanke*

# Ludwig Renn - 85 jara

*Ludwig Renn* apartenas al la plej konataj germanlingvaj verkistoj de la nuntempo. Naskita la 22. 4. 1889 en Dresden kiel infano de nobelo, li, sub la impreso de la unua mondmilito, forĵetis sian nobelecon kaj aliĝis al la komunista partio.

*Renn* fariĝis unu el la plej gravaj *avangardistoj de la proleta-revolucia literaturo.* Fariĝis famaj liaj verkoj kiel „Milito“ (1928), „Postmilito“ (1930) aŭ la infanlibroj „Trini“ (1954), „La negro Nobi“ (1955) kaj aliaj. Sed Renn ne nur estis verkisto. Li ankaŭ estis *unu el la plej gravaj milit-politikaj teoriistoj de la Komunista Partio de Germanio.* Dum la hispana civila milito *Ludwig Renn* estis la *gvidanto de la Thälmann-bataliono* kaj stabĉefo de la XI-a Internacia Brigado.

Por ni esperantistoj *Renn* ankaŭ estas interesa pro la fakto, ke li eklerninte Esperanton en 1930, komencis *verki en la internacia lingvo.* La nomo de *Renn* estas ligita al la *Internacia Asocio de Revoluciaj Esperanto-Verkistoj* (IAREV), kiu fondiĝis fine de 1931. En la oficiala organo de IAREV „La nova etapo“, kiu 1932 ekaperis en Moskvo, inter la 15 subskribintoj de *„Deklaracio de la nov-fondita internacia asocio de revoluciaj esperanto-verkistoj (IAREV)* [1]“ ankau troviĝis la subskribo de *L. Renn,* kiu samjare elektiĝis prezidanto de IAREV [2]). La planon verki *„ruĝan dekameronon“*, kiu devus montri la ŝanĝon de la homo en USSR post la revolucio, kaj kiun devis kunverki ankaŭ *Ludwig Renn* [3]) ne realiĝis.

*Renn* havis bonajn rilatojn al *Germana Laborista Esperanto-Asocio* kaj faris por ĝi *propagandajn prelegojn,* ekzemple en kinejo Babylon en Berlin, kiel memoras *Willi Vildebrandt.* Kelkfoje tiuj propagandaj aranĝoj estis malpermesitaj de la polico, kiel oni legas en „Internaciisto“ [4]). Verŝajne *Renn* en sufiĉe bona grado regis Esperanton. En sia romano „Rußland-Fahrten“ (rusiaj vojaĝoj) li i. a. skribas pri epizodo: *„Vespere oni min akompanis de la hotelo al kunveno ... Iu germane parolis. Tiu estis verkisto, kiu apartenis al neniu partio kaj al neniu ligo de proletaj verkistoj ... Poste unu parolis Esperanton. Post la fino de la salutado mi volis diri al la esperantisto ruslingve, ke mi komprenis ĉiun vorton, kvankam mi tre malmulte scipovas Esperanton“* [5]).

Ĉar tiu epizodo okazis 1929 aŭ 1930 en *Jerevan*, eble *profesoro Sevak* scias pri tio eĉ detalojn. Tiam Renn ankoraŭ nur komprenis Esperanton. Sed li verŝajne rapide eklernis la lingvon tiel bone, ke li scipovis verki en ĝi. Verŝajne nur du originale verkitaj poemoj estas el lia plumo.

*„Senlaborula kanto"* kaj *„Kontraŭmilita kanto"* aperis en „La nova etapo" 2/1932 kun la indiko *„originale verkita en Esperanto"*. „Senlaborula kanto" estis represita en „der esperantist" n-ro 46 (marto-aprilo 1971) paĝo 17. En letero de 11. 10. 1970 al Centra Laborrondo Ludwig Renn skribis *„Senlaborula kanto"*. *Ĝi estis al mi tute nekonata, kaj ĉar mi fakte forgesis Esperanton, mi ĝin eĉ nur parte povis traduki germanen. En germana lingvo la poemo apenaŭ ekzistas, sed ĝi devas esti originale verkita en Esperanto, por kiu celo, mi ne scias"*.

Krome *Renn* verkis interesan *eseon pri Esperanto* en „La nova etapo", 1/1932, paĝo 6. Tiun eseon kaj la poemon „Kontraŭmilita kanto" (kvankam laŭenhave iom eksmoda) ni represas omaĝe al lia 85a naskiĝtago.

Restas mencii, ke *Renn* tuj post la potencakiro de la nazioj *estis arestita*. Ankaŭ la esperantistoj enviciĝis en la protestŝtormon kaj postulis lian liberigon[6]. En la *ĉina gazeto* „La mondo" oni eĉ skribis pri lia morto[7], feliĉe erare. Renn ankaŭ hodiaŭ ankoraŭ tute freŝe kaj kreive vivas en Berlin.

**Notoj**

[1] „La nova etapo", Moskva 1/1932, p. 5
[2] kp. Enciklopedio de Esperanto vol. II, Budapest 1933–34, p. 464
[3] „Sur posteno" (Leningrad), 2–3 (139–140), 1933, p. 23
[4] kp. „Internaciisto" n-ro 13–14, 1931, p. 104
[5] Renn, Ludwig „Rußland-Fahrten", Lasso-Verlag Berlin 1932, S. 75
[6] kp. „Internaciisto" n-ro 52 (decembro 1932)
[7] kp. „La mondo", n-ro 6, majo 1933, monata organo de Ŝanhaja Esperantista Ligo

---

## 100 libroj por Vjetnamio

En „der esperantist" 57/58 (januaro-majo 1973) sur paĝo 17 aperis alvoko de sinjorino *Margarethe Löwe* el Leipzig por monkolekto cele al disponigo de ekzempleroj de „Nuda inter lupoj" por Vjetnamia Pacdefenda Esperantista Asocio (VPEA). Kun ĝojo ni povas informi niajn legantojn, ke tiu alvoko kaŭzis tian viglan kolektadon sole *en Leipzig*, ke tiu grupo disponigis *70 ekzemplerojn* de la romano por la vjetnamaj amikoj. La esperantistoj de la distrikto *Rostock* kolektis la monon por pluaj *30*, tiel, ke ni povis sendi *al Hanojo 100 ekzemplerojn de la romano*. Vere bela rezulto. Al ĉiuj donacintoj Centra Laborrondo esprimas sian sinceran dankon.

**Ludwig Renn**

# Esperanto - lingvo literatura [1])

Esperanto-literaturo estas jam kompare granda. Estas ja esperantigitaj multaj valoraj verkoj el naciaj lingvoj kaj ankaŭ la originala esperanto-literaturo kreskas de tago al tago. La beleco kaj reguleco de esperanto logas multajn verkistojn uzi ĉi-tiun lingvon. Eĉ pli. La malfacilaj stilo kaj strukturo de naciaj lingvoj timigas multajn talentojn ekverki. Sed esperanto, estante kvazaŭa lingvo de poezio, donas ĉi tie tute aliajn perspektivojn.

Ĉi tiu uzado de esperanto kiel literatura lingvo similas tamen pli al sporto ol la urĝa bezono, ĉar preskaŭ ĉiuj esperantistoj — tiel verkistoj, kiel legantoj — posedas ja siajn gepatrajn lingvojn, kun ties multe pli riĉa literaturo originala kaj tradukita.

Mi hipotezas, ke esperanto estas gravega por la klasbatala proletaro ne pro siaj abstraktaj beleco kaj reguleco, sed ĉar la proletaro en la unua periodo de sia kulturo ankoraŭ ne povas ellerni la malfacilegajn naciajn lingvojn, eĉ la gepatran lingvon ne. Jam nuntempe estas k-doj, elpelitaj el siaj hejmlandoj pro klasbatala laboro, vivantaj en aliaj landoj en societo de prolet-esperantistoj kaj nebezonantaj lerni la malfacilegajn naciajn lingvojn. Por tiuj k-doj esperanto ne estas nura sporto, sed unua lingvo, vere vivanta lingvo.

Tiel komenciĝas nova periodo de esperanto, en kiu esperanto-literaturo jam necesas, literaturo ĉiuspeca, ĉar por tiuj homoj ne ekzistas plu lingvoj naciaj kun siaj literaturoj.

Sed la nombro de tiuj, por kiuj esperanto estas jam vere lingvo vivanta, estas ankoraŭ malgrandega.

La tria periodo de esperanto estiĝos, kiam la proleta revolucio estos venkinta en novaj landoj. Sur la teritorio de l'estinta carimperio plejmultoj sciis la rusan lingvon, sed la grandiĝonta Sovetio bezonas novan, facilan internacian lingvon kaj literaturon en tia lingvo. Mi ne povas supozi alian ol esperanto. La tasko de ni, proletaj verkistoj-esperantistoj, estas jam nun prepari vojon por la nova, venka fazo de esperanto. Tia estu ankaŭ la celo kaj tasko de nia organo.[2])

[1]) En „La nova etapo" 1/1932
[2]) „La nova etapo", organo de JAREV (D. B.)

---

**Vortaro de E. Bokarev**

Aperis 1974 en la Eldonejo Soveta Enciklopedio la vortaro Esperanto-rusa de E. A. Bokarev. Recenzo sekvos. La libro riceveblas ĉe CLR.

**Ludwig Renn**

## *Kontraŭmilita kanto*

*Agitistoj ree krias:*
*— Militon! Militon!*
*Por malsaton forgesigi:*
*— Militon! Militon!*
*Ni preparu armilaron*
*Kontraŭ la malamikaron: —*
*Malamikoj — ili mem!*

*Por monsako de l'kriistoj:*
*— Murdon! Murdon!*
*Por profiton ili havu:*
*— Murdon! Murdon!*
*Nun denove ni, soldatoj,*
*Murdu la proletajn fratojn:*
*Ili — nia amikar'!*

*Ne nacioj plu batalu:*
*— Ruĝ-front'! Ruĝ-front!*
*Sed la klaso kontraŭ klaso:*
*— Ruĝ-front'! Ruĝ-front!*
*Tamen ni armeaniĝos*
*Kaj potence ni armiĝos: —*
*Estu la civilmilit'!*

*Intervenci ili volas:*
*— Milito! Milito!*
*Sovetion plendetrui:*
*— Milito! Milito!*
*Sed malhelpos ni detruon*
*Kaj defendos la konstruon: —*
*Ĉiu fort' por Soveti'!*

*Do milito komenciĝu:*
*— Milito! Milito!*
*Fuŝ' por ili ĝi fariĝu:*
*— Ruĝ-front'! Ruĝ-front'!*
*Germanio kaj Francio,*
*De Rusio ĝis Britio.*
*Estos nur Sovet-Uni'!*

(Originale verkita en Esperanto,
el „La nova etapo“ 1/1932)

# 64 Sprachen ... und noch eine

*Dieser Artikel wurde in der „Liternaturnaja gazeta“ (Moskau) vom 28. 8. 1968 abgedruckt. Die Verfasser sind das Akademiemitglied Prof. Dr. A. Berg, einer der hervorragendsten sowjetischen Kybernetiker, Prof. Dr. D. Armand, Professor der Geographie und Professor Dr. E. Bokarev (†), Professor der Sprachwissenschaft. Obgleich die Veröffentlichung des Artikels bereits 6 Jahre zurückliegt, ist die Problemstellung in größerem Maße als je zuvor von Bedeutung.*

Immer häufiger erheben sich vor der Wissenschaft Aufgaben, die man nur durch die direkte Zusammenarbeit von Wissenschaftern der ganzen Welt lösen kann. Die Forschungen im Rahmen des Internationalen Geophysikalischen Jahres und des Internationalen Biologie-Programms, das Studium der Antarktis, die Zusammenarbeit bei der Krebsbekämpfung und die Weltraumforschung verlangen ihrem innersten Wesen nach einen Austausch von Informationen in vielen Sprachen.

Die Patente aller Länder werden in der Staatssprache aufgestellt — im allgemeinen in mehreren Dutzend Sprachen. Die Anzahl der Patente hat 13 Millionen überschritten und erhöht sich jährlich um 300 000. Ist es da verwunderlich, daß ihr Vergleich zu einer Aufgabe von außerordentlicher Schwierigkeit wird? Neben der Sprache, in der das Patent aufgestellt ist, muß man noch die Fremdsprache beherrschen.

Die Kenntnis der wichtigsten europäischen Sprachen reicht bereits nicht mehr aus, daß ein Wissenschaftler die wissenschaftliche Literatur der Welt verfolgen kann. So werden z. B. fast sämtliche japanischen wissenschaftlichen Periodika in Japanisch veröffentlicht. Die sozialistischen Länder publizieren Material in ihren Sprachen. Beim Versuch, das Material über das Klima Afrikas auszuwerten, wäre die Kenntnis von 25 Sprachen erforderlich, dabei haben noch nicht einmal alle Sprachen dieses Kontinents ein eigenes Schrifttum. Es ist anzunehmen, daß in den nächsten Jahrzehnten der Anteil der Veröffentlichungen in Englisch, Französisch und Deutsch zurückgehen wird und Japanisch, Hindi, Arabisch und Suaheli eine größere Rolle spielen werden.

Was wird mit den Experten, die diese Sprachen nicht kennen? Man kann sich beispielsweise ein so vervollkommnetes Informationssystem vorstellen, daß jeder Fachmann rasch die benötigten Angaben in der Muttersprache erhalten kann. Allerdings führt ein solcher Weg zu einem enormen Ansteigen der übersetzten Publikationen. Die Verlage „Mir“ und „Progress“ geben Bücher heraus, die aus 43 Sprachen ins Russische übersetzt sind und umgekehrt aus dem Russischen in die 30 wichtigsten Sprachen der Welt übersetzt werden. Aus der russischen wissenschaftlichen Literatur wird freilich sehr wenig übersetzt; das ist unrentabel, weil jede Sprache nur von einer kleinen Anzahl von Spezialisten für die betreffende Frage beherrscht wird, und das bedingt niedrige Auflagen.

Der Hauptfluß der wissenschaftlichen Information läuft über Reihenwerke und Zeitschriften. In der ganzen Welt erscheinen etwa 400 Referatezeitschriften, die die wissenschaftlich-technische Information in gewissem Maße widerspiegeln. In Moskau gibt es neben 63 Fachinstitutionen drei zentrale Institute für Information und das Unionsinstitut für

wissenschaftlich-technische Information (WINITI), das größte in der Welt. Hier kommt Literatur in 64 Sprachen aus 108 Ländern der Welt zusammen. Etwa zweieinhalb tausend feste Mitarbeiter sehen über 15 000 ausländische Zeitschriften durch und geben sie dann an 22 000 nicht festangestellte Referenten weiter. Das Institut verarbeitet in einem Jahr kaum weniger als eine Million Beiträge. Und trotz alledem umfaßt die Arbeit des Unionsinstituts für wissenschaftlich-technische Information nicht die Literatur über Bauwesen, Landwirtschaft, Medizin und Gesellschaftswissenschaften.

Die verarbeiteten Informationen zeichnen sich nicht durch Exaktheit aus, weil jede Publikation sechs bis acht Arbeitsgänge durchläuft: Klassifikation, Übersetzung, Referieren, Redaktion usw. Das ist ein typisches Beispiel für eine vielkontaktige Koppelung. Die Summierung der Fehler in den verschiedenen Bearbeitungsetappen führt zu einem Informationsverlust oder — kybernetisch ausgedrückt — zur Entropie. Fehler gibt es zur Genüge, da es nicht möglich ist, Fachübersetzer für Zehntausende von engen Profilen zu finden (64 Sprachen und 164 Zweige).

Der Weg der Information zum Verbraucher dauert lange: In den Referatezeitschriften des WINITI gelangt die Information nach fünf bis zwölf Monaten zum Leser und in Büchern etwa drei Jahre nach Erscheinen des Originals.

Mit dem Dolmetschen ist es auch nicht einfacher bestellt. Im Kongreßpalast[1]) haben wir eine Synchronanlage für 28 Sprachen. Durch den Kopfhörer freilich kann man den Redner bestenfalls in sechs bis sieben Sprachen hören; für die übrigen finden sich keine Dolmetscher. Und wenn Antworten auf Fragen kommen und die Diskussion einsetzt, sind in den Kopfhörern nur stark entstellte Bruchstücke von Sätzen zu hören.

Wie John Bernal schrieb, bieten die vielen Leute, die auf einer wissenschaftlichen Konferenz zusammengekommen sind, völlig gleich gekleidet sind, gleich aussehen, mit ihren Gedanken und Erkenntnissen, wie sehr wohl bekannt ist, fast identische Wissensgebiete umfassen und trotzdem absolut unfähig sind, miteinander zu verkehren und der Dienste eines Dolmetschers bedürfen, ein wahrhaft primitives Schauspiel ... Man müsse das äußerst beste Kommunikationsmittel entwickeln, besonders heute, da die Welt zu einem wirkenden Komplex wird, in dem das babylonische Sprachgewirr eine erschreckende Fessel ist.

Im Unterschied zu John Bernal sind die meisten Wissenschaftler für eine traditionelle Lösung. So schlug der Generalsekretär des Referatebüros des Internationalen Rates Wissenschaftlicher Unionen Boutry vor, eine Konvention zu schließen: Jedes Buch oder jeder Aufsatz soll mit einer Annotation in vier Sprachen — Englisch, Russisch, Französisch und Deutsch — versehenn werden. Eine solche zeitweilige Vereinbarung ist möglich, warum aber nur vier Sprachen? Wahrscheinlich muß man hier noch Spanisch, Japanisch, Arabisch, Hindi ... hinzufügen.

Die Erfolge beim vielseitigen Einsatz von Elektronenrechnern weckten den Gedanken, sie auch für die automatische Übersetzung zu nutzen. Allerdings warnte Norbert Wiener, der Vater der Kybernetik, ein Mann, der dreizehn europäische und asiatische Sprachen sprach, vor der Kompliziertheit dieses Problems. Er fürchte offen gesagt, schrieb er, daß die

---

[1]) Kreml

Abgrenzungen der Wörter in den verschiedenen Sprachen zu verschwommen seien, als daß irgendein halbmechanisches Übersetzungsverfahren vielversprechend sei ... Zur Zeit erscheine ihm die Mechanisierung der Sprache verfrüht ...

Tatsächlich ist die Aufgabe sehr schwierig, besonders was die Struktur der Modelle der Ausgangs- und der Zielsprache anbelangt. Jede Grammatik besteht aus Hunderten und zuweilen Tausenden von Regeln zur Orthographie, Morphologie und Syntax.

Vom logischen Standpunkt sind diese Regeln zum erheblichen Teil absurd. So schrieb Akademiemitglied W. Winogradow, daß es in der russischen Orthographie „von Widersprüchen, ungerechtfertigten Überbleibseln ... und Fällen strittiger oder doppelter Schreibweisen“ wimmele. Darum liefern die elektronischen Übersetzungsmaschinen nach jahrelanger Vorbereitung von Maschinenwörterbüchern auf irgendeinem sehr speziellen Wissensgebiet nur ein Halbfabrikat; ihre Übersetzungen erfordern die Nachbearbeitung durch den Menschen, der sowohl beide Sprachen als auch diesen Wissenszweig kennt. Um ein einigermaßen befriedigendes Ergebnis zu erzielen, ist eine außerordentliche Komplizierung der Übersetzungsmaschinen vonnöten. Somit wird sich diese Methode als Mittel zur Überwindung der Sprachbarrieren in der Wissenschaft in nächster Zeit kaum als effektiv erweisen können.

Vielleicht sollte man einen anderen Weg gehen und versuchen, die Experten in allen wichtigsten Sprachen der Welt auszubilden? Das ist kaum eine reale Lösung. Unsere Oberschule zweigt mit Müh' und Not 750 Stunden für den Fremdsprachenunterricht ab. Dazu kommen an der Hochschule 210 Pflichtstunden und 150 fakultative Stunden. Jedoch werden unserer Meinung nach für die freie Beherrschung nur einer Sprache etwa 5000 Stunden benötigt. Es ist nicht verwunderlich, daß die Hochschulabsolventen einen wissenschaftlichen Text häufig kaum mit dem Wörterbuch entziffern können. Wie kann da die Rede von vielen Sprachen sein!

Offenbar ist es realer, das Problem auf eine Sprache zu reduzieren, auf Grund eines gegenseitigen Übereinkommens für die Wissenschaft irgendeine einzige Nationalsprache oder internationale Sprache anzunehmen und in ihr alle wissenschaftlichen Texte zu veröffentlichen. Dabei kann man auch parallele Publikationen in den Nationalsprachen beibehalten. Als internationale Sprache der Wissenschaft ist eine Nationalsprache allerdings aus vielen Erwägungen heraus unannehmbar. Hier zwei davon. Erstens wird das Land, dessen Sprache zur wissenschaftlichen Verkehrssprache wird, eine privilegierte Stellung einnehmen. Seine Wissenschaftler, die nicht drei bis fünf Jahre für das Studium der Fremdsprache einbüßen, werden diese Zeit der Wissenschaft widmen können. Hunderte Millionen von Arbeitsstunden werden eingespart werden, und im Entwicklungsstand der Wissenschaft wird dieses Land vorschnellen. Zweitens wird es größere Möglichkeiten der ökonomischen und ideologischen Expansion erhalten. Auf die wissenschaftlichen Arbeiten werden technische Vorschriften, Prospekte, Kataloge, Warenreklamen und schließlich Presse und Rundfunk folgen. Das wird diesem Land auch politisch ein immenses Übergewicht verleihen. Die anderen Länder werden niemals einverstanden sein, ihm solche Vorteile zu gewähren.

Ein einziger Ausweg bleibt, der uns zweckmäßig erscheint: als einheitliche Hilfssprache der Wissenschaft irgendeine Kunst- oder, richtiger gesagt, Plansprache zu nehmen, die auf einer logischen Grammatik und nach Möglichkeit einer internationalen Terminologie aufbaut. Ihre Einführung in die Praxis ist beispielsweise auf folgendem Wege möglich. In der Sphäre der wissenschaftlichen Information werden in der ersten Etappe obligatorische Resümees in der gemeinsamen Sprache der Wissenschaft eingeführt. Sie werden von den Autoren selbst in der Muttersprache zusammengestellt und von ihnen auch nach Möglichkeit übersetzt, wodurch die Exaktheit und der Gehalt der gekürzten Textfassung gewährleistet werden. Die Publikation der Resümees auf Referatekarten, die der Zeitschrift oder dem Buch beigefügt sind, ist bereits in einer Reihe ausländischer Verlage üblich. In der UdSSR wird die obligatorische Annotation der Beiträge durch die Autoren selbst in Russisch in großem Umfang praktiziert.

In der zweiten Etappe ist es sinnvoll, die wissenschaftliche Literatur parallel in der Muttersprache und in der Sprache zu drucken, die als internationale wissenschaftliche Verkehrssprache angenommen worden ist, oder auch nur in der letzteren. Das bedeutet grünes Licht für die Veröffentlichung von Arbeiten engen Profils (und das ist heute die Mehrheit), denn ihre Auflagen werden um ein Vielfaches wachsen.

Man kann sagen, wir wollten die Rückkehr zu den Zeiten vorschlagen, da das Latein in der Wissenschaft herrschte. Nun ja, das Neue ist das ganz in Vergessenheit geratene Alte, jedoch verläuft die Entwicklung der Wissenschaft spiralenförmig, und wenn sich etwas wiederholt so auf einer höheren, qualitativ neuen Ebene. Das Latein ist hoffnungslos veraltet, aber der Gedanke, in der Wissenschaft eine einzige und dabei neutrale Sprache zu benutzen, war zweifellos gesund.

Die Welt hat schon solche Kommunikationsmittel angenommen wie die Zeichen in der Luft- und Seefahrt, die arabischen Ziffern, die Notenzeichen, medizinische Termini und mathematische und chemische Formeln. Machen wir wirklich davor halt, das zu vereinheitlichen, was diese Symbole verbindet: Verbindungswörter, Suffixe, Grammatikregeln?

*A. Berg, Akademiemitglied*
*D. Armand, Doktor der Geographie*
*E. Bokarev, Doktor der Philologie*

**Resumo:** La artikolo „64 lingvoj ... kaj ankoraŭ unu“ aperis jam 1968 en la ruslingva „Literaturnjaja gazeta“ de 28. 8. 1968 (Moskvo). La verkintoj, la konata soveta cibernetikisto prof. A. Berg, la geografo prof. Armand kaj la lingvisto prof. Bokarev diskutas la gigantan informokaoson, kiu ne nur kvante daŭre kreskegas, sed ankaŭ aperas en ĉiam pli da respektendaj lingvoj.

La traduko de la informoj estas mankhava, nekompleta kaj tro malrapida. La elektronikaj tradukmaŝinoj nur estas aplikeblaj en ekstreme limigita kadro. La studado de fremdaj lingvoj estas neekonomia. Kvankam interkonsento pri nacia lingvo estus pozitiva paŝo, tamen nacia lingvo ne povas esti la solvo. Sola eliro el la dilemo estas internacia planlingvo.

**Prof. dro E. A. Bokarev**

# *Esperanto - la lingva kreaĵo de zamenhof*

Inter diversaj lingvoprojektoj de lingvo internacia, Esperanto sola fariĝis larĝe uzata. Neniu lingvoprojekto ne nur ne povis superi Esperanton tiurilate, sed esti eĉ iom komparebla al ĝi.

Kio estas la kaŭzo de tio ĉi? En esperantologia literaturo tiu fakto ordinare estas klarigata per pure sociologiaj kaŭzoj. Jam dekomence Esperanto fariĝis instrumento de praktika interkompreniĝo en pli-malpli granda kolektivo kaj estis traktata de ĝiaj adeptoj precipe de tiu vidpunkto, sed ne kiel objekto de teoriaj diskutoj. La periodoj de teoriaj diskutoj, kiuj iafoje komenciĝis inter esperantistoj, ĉiam sekvigis malaltiĝon de ĝia disvastiĝo kaj praktika utiligo. Aliaj lingvoprojektoj, kontraŭe, restis precipe objektoj de teoria studado kaj diskutado. Estas atentinda la fakto, ke idistoj dum sia pli ol kvindekjara laboro eldonis sufiĉe multajn librojn, dediĉitajn al la lingvo mem (propaganda, polemika, instrua literaturo), sed relative tre malmultajn librojn pri scienco, belliteraturo ktp., kie Ido estus nur rimedo, sed ne celo. Ido ne farigis rimedo de pli-malpli larĝa uzado, ĉar idistoj fakte ne tion atentis unuavice en sia laboro. Do klarigo per sociologiaj kaŭzoj esence estas tute vera.

Sed detale tuŝi tiun sociologian flankon de la problemo ne estas celo de tiu ĉi artikolo. Ĝia celo estos iom trakti pure lingvan demandon, nome kiuj lingvaj trajtoj de Esperanto ebligis al ĝi fariĝi instrumento de interkompreniĝo kaj superi tiurilate siajn konkurantojn. La reprezentantoj de aliaj sistemoj de lingvo internacia precipe atentis en siaj teoriaj rezonadoj ne tiujn trajtojn, kiuj karakterizas lingvon internacian kiel instrumenton kaj esprimsistemon, sed tiujn, kiuj reprezentas iun teorian principon, tute ne plej gravan de praktika, funkcia vidpunkto. Por la t. n. naturalistoj (adeptoj de Occidental, Interlingua ktp.), ekzemple, kiuj ĉiam plej atentis la etimologian flankon de la problemo, sistemeco kaj struktureco de lingvo internacia restis afero de duagrada, iafoje eĉ de nula, graveco. Ili ĉiam diskutis pri kriterioj kaj gradoj de natureco: ĉu estu atentata nur ĝenerala vortfonduso aŭ scienca terminaro ankaŭ, ĉu estu atentata nombro de lingvoj aŭ nombro de parolantoj, ĉu estu atentataj nur modernaj lingvoj aŭ latino kaj la greka ankaŭ, ĉu estu atentataj nur romidaj lingvoj aŭ ankaŭ iuj aliaj ktp. La naturalistoj, atentante unuavice la similecon de internacia lingvo al la naturaj, similas homojn, kiuj penas taksi iun sistemon de aeroplano ne laŭ ĝiaj teknikaj, strukturaj kvalitoj, sed laŭ grado de ĝia simileco al natura birdo. Ofte impresas, ke adeptoj de iuj lingvo-projektoj, diskutante pri diversaj temoj de lingva teorio, tute forgesas, por kio iliaj lingvoj estas kreataj, ĉu por esti kabinetaj etimologiaj sistemoj, ĉu por esti praktikaj rimedoj de internacia interkompreniĝo.

Kiuj do trajtoj de lingvo estas plej gravaj, se ni atentas ĝin kiel praktikan rimedon, respondantan al koncernaj postuloj de socia praktiko? Internacieco de lingva materialo estas tre grava en lingvo internacia, sed ĝi devas esti subigita al tiuj esencaj trajtoj de lingvo, kiuj karakterizas ĝin kiel rimedon de interkompreno: aŭtonomeco de lingva sistemo, integra kohereco de ĝiaj elementoj kaj reguleco-analogeco de ilia funkciado. Nur tio faras lingvon plej manovrebla kaj esprimkapabla en internacia interkompreno.

Ni analizu kelkajn trajtojn de Esperanto, kiuj karakterizas ĝin kiel principe pli taŭgan rimedon de interkompreno, ol multaj aliaj projektoj de lingvo internacia.

1. Oni devas opinii tre grava por lingvo internacia la eblecon libere krei laŭbezone novajn vortojn pere de produktivaj vortderiraj elementoj. Kaj la sistemo de vortderivado en Esperanto devas esti alte taksata de tiu vidpunkto. Unue, ĝi tre faciligas la studadon de la lingvo kaj ebligas al ĝia uzanto kvante tre riĉan vortformadon anstataŭ studado de multaj pretaj kliŝaĵoj. Due, samtempe ĝi estas granda avantaĝo, ĉar ĝi ebligas al ĝia uzanto formi novajn vortojn, kiam aperas neceso pri tio. La sistemo de vortfarado en Esperanto faras la lingvon morfologie tre diafana. Kontraŭe, la „naturalismaj" projektoj estas limigitaj je vortderivaj eblecoj, ĉar en ili precipe estas uzataj nur tiuj derivitaj vortoj, kiuj jam ekzistas en la naciaj lingvoj. En unu el plej naturalismaj projektoj, en Interlangua de IALA, praktika vortderiva sistemo fakte eĉ ne ekzistas, ĉar ĝia afiksaro estas nur etimologia sistemo de vortderivaj elementoj en naciaj lingvoj, ne regule kaj ne produktive uzataj en Interlingua.

2. Tre grava el la funkcia vidpunkto estas ankaŭ la sintaksa diafaneco de lingvo internacia, kiu ebligas tujan komprenon de sintaksa frazstrukturo, de uzata sintaksa modelo. En Esperanto tion ebligas parte jam la vortderiva sistemo, sed precipe specialaj karakteriziloj de ĉefaj morfologiaj vortklasoj: substantivo, adjektivo, verbo, adverbo. Tiuj karakteriziloj helpante larĝan vortderivon (ekz., telefono, telefona, telefoni, telefone), pliriĉigas la lingvon. Due, ili cementigas la propozicion, farante ĝian sintaksan modelon preciza kaj tuj komprenebla; se eĉ iuj vortoj en propozicio ne estas komprenitaj, specialaj vortfinaĵoj komprenigas ĝian ĝeneralan kaj abstraktan signifon: ...a ...isto ...e ...as ...aĵon de ...aj ...oj. Lingvoj sen tia kvalito multon perdas ne nur en sia esprimkapablo, sed ankaŭ en sia sintaksa diafaneco kaj precizeco.

3. De la funkcia vidpunkto estas ankaŭ grava la libera vortordo en propozicio, ĉar ĝi ebligas la uzadon de inversa vortordo por pliriĉigo de senca enhavo de parolo, por intensigo de iuj sencaj nuancoj kaj kromsignifoj. Tion kaŭzas en Esperanto ne nur la vortkarakteriziloj, sed ankaŭ la akuzativo kaj varieblaj adjektivoj. Projektoj de lingvo internacia, ne havantaj tiujn eblecojn, multon perdas en sia precizeco kaj esprimakapablo. Nedeviga akuzativo neniel kompensas tiun mankon, ĉar, se ne uzata aŭtomate, la akuzativa karakterizilo ofte estas forgesata tiam, kiam ĝi estas esence necesa. Eĉ tiaj eminentaj idistoj, kiel L. de Beaufront, ne nur unufoje eraris, forgesante pri ĝia uzo en inversa vortordo.

Iafoje oni opinias la analizan lingvostrukturon pli perfekta ol la sinteza. Efektive, tre ofte la analizaj lingvoj estas pli simplaj ol la sintezaj, sed la kaŭzo ne estas la analiza strukturo mem, ĉar la sintezaj lingvoj (ekz. turkaj) ankaŭ povas esti tre simplaj. La uzo de kelkaj rimedoj de sintezaj lingvoj (ekz. de specialaj vortkarakteriziloj, de libera vortordo) estas tre valora el la funkcia vidpunkto kaj devas esti utiligita ankaŭ en internacia lingvo.

**30 jaroj Pola Popola Respubliko**

**La esperantistoj de GDR tre kore gratulas al la esperantistoj de Pola Popola Respubliko okaze de la 30-a jubileo de ilia ŝtato kaj deziras pliajn grandajn sukcesojn por la konstruo de socialisma socio kaj por la esperanto-movado**

# *Aus der Arbeit unseres polnischen Bruderverbandes*

*Rudi Graetz*

Jeder DDR-Esperantist weiß aus eigener Erfahrung, daß die Beziehungen zwischen den polnischen Esperantisten und unseren Esperanto-Freunden enger und enger werden, seitdem der paß- und visafreie Grenzverkehr zwischen der DDR und der Volksrepublik Polen eingeführt wurde. Viele neue persönliche Freundschaftsbande wurden geknüpft, die Zusammenarbeit zwischen den Gruppen nahm an Umfang zu und selbstverständlich auch die Zusammenarbeit zwischen dem Zentralen Arbeitskreis Esperanto und dem Hauptvorstand des Polnischen Esperanto-Verbandes (PEA).

Kürzlich erhielt ich eine Kopie des Jahresberichtes 1973 von PEA, die ich mit großem Interesse studierte. Neben den durchgeführten politischen Aufgaben regten mich besonders die fachlichen Probleme an, Vergleiche zu ziehen. Wissen wir doch, daß wir auf fachlichem Gebiet einiges nachzuholen haben.

PEA ist organisatorisch und fachlich wesentlich stärker als wir, besitzt langjährige Erfahrungen und ist sehr aktiv. 1973 leistete PEA eine gewaltige Informationsarbeit. So kamen allein in diesem Jahr 15 312 Briefe mit Anfragen über Esperanto und die Möglichkeiten es zu erlernen beim Büro des Hauptvorstandes an.

(Fortsetzung S. 31)

---

(resto de paĝo 29)

4. Ankaŭ la fonetika ortografio en Esperanto devas esti alte taksata el la funkcia vidpunkto. Male, la tradicia ortografio de la „naturalismaj“ projektoj ne povas esti defendata, ĉar ĝi tute kontraŭas al la raciaj principoj de planlingvo.

   Do la ĉefaj trajtoj de la lingva strukturo de Esperanto karakterizas ĝin kiel tre praktikan rimedon de internacia interkompreno kontraste al multaj „naturalismaj“ projektoj, kiuj malatentas la funkcian vidpunkton, la plej gravan por lingvo internacia, kaj atentas unuagrade la etimologian flankon de la problemo, kiu tute ne estas ĉefa, se oni konsideras lingvon internacian kiel instrumenton de praktika interkompreno. Ne nur sociologiaj, sed ankaŭ pure lingvistikaj kaŭzoj destinis al Esperanto larĝan praktikan utiligon kaj disvastigon.

*E. A. Bokarev*

(El „Memorlibro pri la Zamenhof-jaro“, London UEA, CED, 1960)

Um die Wünsche der Anfragenden befriedigen zu können, verfaßte der bekannte polnische Esperanto-Lehrbuch-Autor und Redakteur der Esperanto-Redaktion des polnischen Rundfunks, Andrzey Pettyn, eine achtseitige Broschüre in polnischer Sprache: „ABC de la lingvo Esperanto", die in einer Auflage von 17 000 Exzemplaren herausgegeben wurde. 6000 Anfragende nahmen inzwischen ihr Fernstudium auf, und die Zielstellung, 2000 davon als neue Mitglieder für PEA zu gewinnen, dürfte durchaus realisierbar sein. Daß PEA sich darüber hinaus das Ziel stellt, das Netz seiner Organisation durch Bildung weiterer Gruppen in allen Wojewodschaften zu erweitern, entspricht den gegebenen Möglichkeiten, Eine Grundlage dafür sollen diese Fernstudenten bilden, an die relativ hohe Anforderungen gestellt werden.

Große Aktivitäten entwickelt PEA auch auf dem Gebiete der Herausgabe von Unterrichtsmaterialien. So erschienen allein 1973 ein Esperanto-polnisches Wörterbuch von Jan Zawada in 3000 Exemplaren, ein Esperanto-polnisches Wörterbuch von Tadeusz J. Michalski in 5000 Exemplaren, ein Lesebuch mit Übungen „Esperanto laŭ amuzmetodo" von Andrzej Pettyn (3000 Expl.), vom selben Autor ein Übungsmaterial für Fernkurse (1800 Expl.) und ein Lehrbuch für Anfänger „Praktika kurso de Esperanto" (3500 Expl. in drei Heften).

Im Verlag „Wiedza Powszechna" erschien außerdem die 4. Auflage des auch bei den DDR-Esperantisten gut bekannten Schallplattenkurses „Ĉu vi parolas Esperanto?", wiederum von A. Pettyn, in 20 000 Exemplaren. In der gleichen Auflagenhöhe erschienen Esperanto-Konversationen für Touristen „Rozmówki esperanckie" vom gleichen Autor.

Neben seiner Verlagstätigkeit befaßt sich PEA auch mit dem Import von Esperantobüchern. So wurden 1973 vierzig Titel in mehr als 5000 Exemplaren eingeführt und in Polen verkauft. Außerdem erfolgte 1973 beim Verlag Edition Leipzig eine Vorausbestellung von über 1000 Exemplaren der Esperanto-Fassung des Romans „Nackt unter Wölfen" von Bruno Apitz.

Bemerkenswert ist auch die lebhafte Tätigkeit von PEA auf kulturellem Gebiet. Unsere DDR-Esperantisten, die an unserem Republiktreffen in Berlin teilnahmen, hatten am 1. Juni 1974 die Möglichkeit, die hervorragenden Leistungen des polnischen Schauspielers Andrzej Tomecki („Und dennoch gibt es Warschau") in Esperanto zu bewundern. Auch die polnische Konzertsängerin Danuta Alczewska-Klus ist uns allen in guter Erinnerung. In Polen gibt es seit einiger Zeit auch ein sogenanntes Esperanto-Theater „Antoni Grabowski", das 1973 mit einer Tournee durch eine Reihe westlicher Länder dazu beitrug, die polnische Kultur bekanntzumachen. Die Schauspieler Kalina Pienkiewicz und Zbygniew Dobrzýnski führten das Theaterstück „Ein naher Unbekannter" von A. Scibor-Rylski in der Esperanto-Übersetzung von Jerzy Grum auf.

Aber auch im eigenen Lande wurden kulturelle Veranstaltungen und viele Vorträge organisiert. So konnte z. B. der Vorsitzende der MEM, Nikola Aleksiev, für eine Vortragsreise über die Teilnahme der MEM an dem Weltkongreß der Friedenskräfte in Moskau gewonnen werden.

Der Autor des Esperanto-Lehrbuches der DDR, Ludwig Schödl, sprach in einigen polnischen Städten über die Jugend in der DDR und zeigte dabei den in Esperanto synchronisierten Film „Gestern waren wir noch Kinder". Der Professor für Esperanto an der Budapester Universität, Dr. Istvan Szerdahely, hielt Vorträge über moderne Unterrichtsmethoden. Besonderes Augenmerk widmet PEA der Jugend, die Gelegenheit hatte, an mehr als 30 Veranstaltungen und Exkursionen im Ausland teilzunehmen. Diese wurden vom Reisebüro „Juventur" organisiert, das Esperanto regelmäßig für seine Tätigkeit nutzt. Erwähnenswert ist auch die Arbeit der esperantistischen Studenten im Rahmen des sozialistischen polnischen Jugendverbandes, die zwei Seminare für junge Esperantisten durchführten.

Bemerkenswert ist weiterhin die Tätigkeit mancher PEA-Filialen in den Wojewodschaften, die in Zusammenarbeit mit dem Hauptvorstand internationale Ferienlager durchführten. So wurde z. B. 1973 u. a. vom Bezirk Wroclâw bereits zum 9. Male in Miedzygórze das internationale Esperanto-Ferienlager „Ora Pola Aŭtuno" mit einem reichhaltigen kulturellem Programm durchgeführt, an dem in jedem Jahr mehr als 250 in- und ausländische Esperantisten aus durchschnittlich 10 Ländern teilnehmen. In letzter Zeit verstärkte PEA seine Zusammenarbeit mit der MEM. Der Generalsekretär von PEA, Andrez Pettyn, ist Mitglied des Friedensrates Polens.

Der in Kürze zu unterzeichnende Vertrag über Freundschaft und Zusammenarbeit zwischen PEA und dem Zentralen Arbeitskreis Esperanto wird ein Beitrag zur weiteren Entwicklung der Beziehungen zwischen beiden sozialistischen Nachbarländern sein.

**Resumo:** Pri la agado de Pola Esperantisto Asocio 1973, PEA i. a. eldonis la varbbroŝuron" ABC de la lingvo Esperanto" (17 000), estis responditaj 15 312 leteroj kun demandoj pri Esperanto. Aperis vortaroj de Jan Zawada (3000) kaj T. J. Micjalski (5000), legolibro „Esperanto laŭ amuzmetodo" (3000), „Praktika kurso de Esperanto" (3500), „Ĉu vi parolas Esperante" (kun diskoj, 4-a eldono, 20 000), ĉiuj materialoj de A. Pettyn. PEA importis 40 titolojn (5000) el eksterlando, i. a. 1000 „Nuda inter lupoj". Elstaras la kulturaj aktivecoj de la artistoj, Andrzej Tomecki („Kaj tamen estas Varsovio"), la koncertoj de Danuta Aleczewska-Klus kaj la internacia sukcese prezentita komedio „Proksima nekonato" de A. Scibor-Rylski en la prezento de K. Pienkiewicz kaj Z. Dobrzynski. Prelegis en diversaj polaj urboj A. Aleksiev (Bulgario), d-ro Szerdahelyi (Hungario) kaj L. Schödl (GDR).

Pola Esperanto-junularo partoprenis 30 ekskursojn eksterlanden. PEA-filioj organizis multajn enlandajn kaj internaciajn aranĝojn. La Generala Sekretario de PEA, A. Pettyn, fariĝis membro de la Pola Packonsilantaro.

# III-a Esperantista Kultura Festivalo en Opava/CSSR

Jam la trian fojon la tre agemaj esperantistoj de la regiono Ostrava-Opava, stiritaj de la du motoroj *Vlastimil* kaj *Drahomir Koĉvara* (ĝenerala sekretario de MEM) organizis Esperantistan Kulturan Festivalon. Ĉijare ĝi okazis de 5. — 8. 7. 1974 omaĝe al la 750a datreveno de urborajtoj de Opava kaj sub la aŭspicioj de Ĉeĥa Esperanto Asocio kaj la urbo Opava.

La bone organizita festivalo komencis la 5. 7. 1974 per vespero de ĉeĥa poezio omaĝe al la granda ĉeĥa poeto *Petro Bezruĉ* (1867 — 1958), kiu famiĝis ankaŭ per la esperantlingva eldono de la „Sileziaj Kantoj".

La inaŭguron, sabate la 6. 7. 1974, ankaŭ partoprenis gastoj el *Bulgario, Pollando kaj GDR*. Post prelego de *s-ino Gabrielova,* kunlaborantino de la Ministerio por Kulturo, pri la aktualaj politikaj taskoj de la ĉeĥa



socio sekvis prelego de *D. Blanke* pri perspektivoj de kunlaboro de esperantistoj de socialisma ŝtataro. Rave bela estis la prezento de popolkantoj kaj folkloraj dancoj de gimnazianoj. Post ekskursoj al la fama memorejo de militoperacioj ĉe Ostrava en Kravare, kie sovetaj trupoj kune kun la armeo de generalo Svoboda frakasis la faŝistan armeon, vespere sekvis vere surpriza Kulturprogramo. Bone gvidata kantkoruso de sileziaj instruistinoj prezentis kantojn en ĉeĥa kaj esperanta lingvoj.




*Folklora ensemblo de la uzina klubo de Ostroy en Opava*

Sur paĝo 33:

*De maldekstre dekstren: Drahomir Kočvara, vicprezidanto de Ĉeĥa Esperanto-Asocio kaj ĝen. sekretario de MEM; Detlev Blanke, sekciestro por Esperanto en Kulturligo de GDR; inĝ. Vlastimil Kočvara, organizinto de la III-a Kultura Festivalo.*

Sed la kulmino certe estis la prezento de la teatraĵo *„Proksima nekonato"* de la pola aŭtoro *Al. Scibor-Rylski* en la traduko de *Jerzy Grum* kaj tre ekscita prezento de la simpatiaj aktoroj *Kalina Pieńkiwicz* kaj *Zbygniew Dobrzyński*. Ili, membroj de Pola Esperanto Teatro en Varsovio kaj ambaŭ bonege regantaj la lingvon (ne nur sur scenejo) prezentis rafinite komponitan psikoanalizan „teatraĵon en teatraĵo" pri la kaŭzoj de detruo de geedzeco. Tiu, certe iom postulema, teatraĵo (110 minuta) ne nur brile demonstris la „teatran kapablon" de Esperanto, sed estis vera ĝuo, arta travivaĵo.

La 7an kaj 8an de julio sekcioj de ĈEA kunsidis, okazis ekskursoj kaj diversaj aliaj aranĝoj.

Tiu festivalo montris al observanto, ke la ĉeĥa esperanto-movado firme paŝas antaŭen.

D. B.

---

**Socialismaj landoj sur la paĝoj de „der esperantist" 1973**

Dum 1973 entute ĉirkau 50 paĝoj (de 148) estis dediĉitaj al kontribuoj de aŭtoroj el la socialismaj landoj resp. artikoloj pri la tiea esperanto-movado: *Bulgario (8), ČSSR (8), Hungario (6), Pollando (9), Soveta Unio (15), Vjetnamio (4).*

## Frataj kontaktoj al ĈSSR

Nia pasintjara maja ekskurso kondukis nin al nia partnera urbo Usti nad Labem. Tie la amikoj *dr. Novobilsky kaj Smyĉka* organizis modelan renkontiĝon. I. a. niaj 40 E-amikoj el Karl-Marx-Stadt ĝuis altnivelan kulturvesperon, kiu proksimigis al ni la ĉeĥan kulturon.

En la bela monato majo de 1974 ni veturis dum tri tagoj tra la okcident-bohemiaj regionoj. Celo estis la urbeto Bor ĉe Tachov. Tie kamaradino inĝ. *Margit Strnadova* preparis por ni renkontiĝon en kunlaboro de Nacia Fronto, urba magistrato kaj E-klubo. Mencienda la renkontiĝo kun batalintoj kontraŭ la hitlera faŝismo. La ĉeĥa kamarado *Friedel* informis pri la aktivado de la komunista grupo el la 14a rajono de Praha kaj pri la laboro de ĝia agit-prop-grupo „Echo links" en la ĉelima regiono. Nia kamarado Willi Weißbach rakontis pri la ilegala laboro de la germanaj antifaŝistoj kontraŭ la hitlera teroro. Impresplena ekspozicio kun fotoj kaj originalaj dokumentoj substrekis la eksplikojn de la du veteranoj el la komunista movado.

Dum alia rendevuo kun niaj E-amikoj en Bor nin vizitis ankaŭ la urbestro kaj prezidanto de Nacia Fronto de Bor kaj ni havis kun li tre agrablan konversacion.

Ne forgesebla ankaŭ la dancvespero en kastelo Velke Dvorce, kiun partoprenis la loĝantaro.

Al niaj ĉeĥaj geamikoj *inĝ. Strnadova, dr. Novobilsky* kaj *Smyĉka* elkoran kaj sinceran dankon ĉiloke pro iliaj klopodoj. Bu.

## Vizito de la prezidanto de ĈEA en Karl-Marx-Stadt

La 4an de junio vizitis *s-ro Vitek,* prezidanto de ĈEA, kaj *s-ro Křimsky,* ĝenerala sekretario de ĈEA, Karl-Marx-Stadt. Ili informiĝis pri la agado de la Esperantistoj en nia regiono. Vespere okazis kun ili interŝanĝo de opinioj pri la estonta kunlaboro. *Dr. Uhlig,* prezidanto de la distrikta estraro de Kulturligo, direktoro de la instituto por faklernejoj de GDR surprizis niajn eksterlandajn amikojn kaj nin per flua esperantlingva konversacio kun la ĉeĥaj gastoj.

En la interparolado partoprenis ankau *Dr. Fiedler,* 1-a sekretario de la distrikta komitato de Kulturligo kaj nia *Elise Hempel.* Bu.

## Karaj gastoj el Ostrov, Cheb kaj Karlovy Vary

8an kaj 9an de junio restadis en nia urbo Karl-Marx-Stadt grupo de 30 E-geamikoj el supre cititaj urboj kaj aliaj lokoj de ĈSSR. En harmonia atmosfero ni konatiĝis kaj interŝanĝis spertojn el grupa vivo. Niaj gastoj ankaŭ havis la okazon, restadi en nia nova kunvenejo en la Pablo-Neruda-Klubo, kiu troviĝas super la restoracioj „Irkutsk" kaj „Pazarĝik" en la komplekso de Interhotel „Kongress". Bu.




# 25-a Hungarlanda Esperanto-kongreso, 21.-23. 6. 1974

*Parolas L. Knöschke*

Jam en la stacidomoj de Budapest la afiŝoj pri la jubilea hungara Esperanto-kongreso ne estis pretervideblaj. Sed la proks. 450 kongresantoj kaj iliaj gastoj strebis 100 km pli sudorienten, al la 900-jara eterne ĝuna Szolnok. La inviton de la Esperantistaro sekvis gravaj funkciuloj de la Hungara Unuiĝinta Laborista Partio, de la sindikato, de la nacia packonsilantaro, komunista junularo kaj urba konsilantaro Szolnok, krome la delegitoj de la MEM-sekcioj kaj centraj E-estraroj de Bulgario, Ĉeĥio, Pollando, Slovakio kaj GDR *(Willy Vildebrand kaj Linde Knöschke).*

Nur rezume eblas tuŝi la riĉan, bone organizitan programon. Vendredon posttagmeze okazis la solena malfermo, la salutparoloj de la naciaj kaj internaciaj reprezentantoj kaj la festparolado de la ĉefsekretario de HEA, k-do *Béla Berceli.*

Pli poste la urbestro de Szolnok gastigis la estraron, la organizintojn kaj la reprezentantojn. Vespere ĉiuj kolektiĝis por ĝui elstare bonan folkloran programon de la ensemblo *„Tisza"*, kiu prezentis diversregionajn hungarajn dancojn kaj kantojn kaj ciganan muzikon. Post mallonga paŭzo la sama salono ŝanĝiĝis en balejon, en kiu oni povis danci ĝisnokten.

Sabaton sekvis laborkunsidoj de la fakkomisionoj *poŝtista, turisma, virina, medicina, Packomitato de HEA, Hungara Esperanto Junularo kaj Centra grupo/unuopaj Esperantistoj).* Same kiel la enketo kaj debato pri la stato kaj aktualaj taskoj de la hungara E-movado tiuj kunvenoj okazis hungarlingve, por ke ankaŭ komencantoj sen-ĝene kunlaboru.

Posttagmeze estis ebleco aŭskulti sciencajn prelegojn de famaj hungaraj scienculoj (hidroteknikaj konstruaĵoj, geologia evoluo de Hungario, strukturoj de hungaraj popolkantoj, metalprilaborado movadhistorio kaj internacia lingvo de scienco). Dum la diskuto inter alie aŭstra amiko raportis pri la problemoj de komunistaj Esperantistoj en kapitalisma lando.

La bivakfajro, kiu vespere estis planita, fariĝis viktimo de la pluvema vetero, sed oni okazigis ĝin provizore en salono. Eksterlandaj studantoj el Bangladeŝo, Kambodĝo, Libano, Jemenio, Sudano, Gineo-Bisao kaj

## Ĉe hungaraj fervojistoj-Esperantistoj

La ĉijara landa renkontiĝo de la hungaraj fervojistoj okazis je la 6a kaj 7a de julio en Zalaegerszeg, urbo en sudokcidenta Hungario en distrikto Zala, 4 trajnajn horojn malproksime de Budapesto.

Ĉirkaŭ 80 partoprenantoj, inter ili gastoj el Aŭstrio, Ĉeĥoslovakio, Jugoslavio, GDR kaj GFR kolektiĝis en la bela arbarriĉa urbo.

La akcepto fare de hungaraj amikoj estis tre kora kaj afabla, same la tuta restado. Ni loĝis en la nova hotelo por laboristoj, kaj mi mem ankoraŭ du tagojn ĉe la fajra gvidanto de la Zalaegerszegaj Esperantistoj, kies edzino kaj 4-jara knabineto ankaŭ parolas Esperanton.

Dum la malfermo de la kongreso en la „Junulara domo" krom la gastoj i. a. parolis la direktoro de la hungara fervojo-direkcio Szombathley, sekvis diskutoj pri la farita kaj farenda laboroj. Bonege impresis la moderna teatro, prezentita de junaj laikaj artistoj.

Dum rondveturo tra la urbo kun miniaŭtobuso la sekvan tagon ni povis admiri la majestajn preĝejon kaj konstruaĵojn el malnova kaj nova tempoj. Unu eksterordinara travivaĵo estis la vizito en „Göcseĝi Falumŭzeum" (Subĉiela muzeo de Gócsej), grava vidindaĵo. En belega restoracio en arbaro, en ĉirkaŭaĵo de Zalaegerszeg finiĝis la impresa renkontiĝo.

Dankon al vi, karaj hungaraj gastigintoj! Ni, esperantistoj-fervojistoj el GDR klopodos lerni de vi. Ĝis revido!

*Achim Meinel, Berlin*

---

(resto de paĝo 36)

Etiopio, kiuj lernas Esperanton, prezentis siajn hejmlandojn vorte, dance kaj kante. Krome sin prezentis nova kantklubo el Dunaujváros, kiu esperigas.

Inter la programeroj restis sufiĉe da tempo por diskuti kaj babili kun malnovaj kaj novaj geamikoj aŭ por viziti la ekspozicion „75 jarojn Esperanto-libro" en la konstanta galerio de Szolnok. Funkciis ankaŭ speciala poŝtejo, libro-servo kaj suvenir-disvendo.

Dimanĉon kunvenis la fervojistaj Esperantistoj, la amikoj de FO-KI-MA kaj interesuloj, kiuj diskutis la efikon de la du hungaraj publikaĵoj „Hungara Vivo" kaj „Eszperanto Magazin".

La kulmina punkto de la kongreso sendube estis la granda porpaca asembleo de la hungara MEM-sekcio. Parolis membro de la Tutmonda Packonsilantaro, *vicprezidanto de la hungara packonsilantaro, ambasadoro József Vince* kaj salutparolis la reprezentantoj de la fratlandaj MEM-sekcioj.

Per komuna kantado de kanto de la kantklubo Dunaujváros, „Gardu la pacon", finis tiu grava kunveno. Baldaŭ poste okazis ankaŭ la solena fermo kaj la granda adiaŭo. Freŝaj floroj por la gastoj plibeligis ĝin. Multaj travivaĵoj certe estus rakontindaj, sed la spacomanko kulpas, se mi ĉesas, laŭdante kaj dankante la hungarajn geamikojn kaj dezirante plurajn porpacajn kaj pormovadajn sukcesojn.

*Linde Knöschke*

## Internacia renkontiĝo

Post la III-a Centra Konferenco de la esperantistoj de GDR en Berlin (pentekoston) la oficialaj delegitoj de Bulgara Esperantista Asocio, *Vasja Petrova* el Sofia kaj *Georgi Dimov* el Varna, vojaĝante tra nia respubliko, vizitis ankaŭ la urbojn Weimar kaj Erfurt. Reprezentantoj de la Erfurt-a kaj Weimar-a grupoj akceptis kaj bonvenigis la gastojn en la stacidomo kaj, deponinte la pakaĵon en la kvartiro, komune oni promenadis tra la urbo, vizitante la vidindaĵojn el la klasika epoko. Vespere niaj bulgaraj gastoj, pola esperantista geedzparo el Elblag, loĝanta ĉe nia amikino *Dolores Vogt,* kaj membroj de la Weimar-a grupo kunvenis en la ĝardeno de Weimar-a amiko kaj festis internacian renkontiĝon. Kantante, ŝercante, manĝante rostitajn kolbasojn kaj trinkante bieron, ni travivis kelkajn agrablajn horojn, interparolante pri spertoj kaj problemoj de la ĉiutaga vivo kaj pliprofundigante per tiu aranĝo la estimon pri la sociaj progresoj kaj akiraĵoj de niaj frate ligitaj ŝtatoj.

La sekvontan tagon niaj bulgaraj gastoj vizitis la urbon Erfurt kaj rigardis tie, gvidataj de du membroj de la Erfurt-a grupo, la mezepokan urbocentron kaj la Internacian Hortikulturan Ekspozicion. — Ankaŭ je tiu tago la bulgaraj, polaj kaj kelkaj Weimar-aj geesperantistoj travivis komune la vesperajn horojn, partoprenante intiman koncerton en la muzikĉambrego „Am Palais“ de Franz-Liszt-altlernejo en Weimar. La prezentitaj muzikaĵoj de Bach, Mozart, Beethoven k. a. entuziasmigis la aŭskultantaron tiele, ke la muzikistoj aldonis ankoraŭ iom.

Bedaŭrinde la sekvontan matenon niaj bulgaraj gastoj devis pluvojaĝi. La adiaŭo estis adiaŭo inter geamikoj. — Dank' al nia komuna lingvo ni ĉiuj povis grave kontribui al la plua evoluo de la amikeco kaj interkompreniĝo inter niaj socialismaj ŝtatoj.

Gerhard Hornbogen, Weimar

---

## Hungaraj gastoj en Jena

Post la Esperanto-kongreso de GDR en Berlino nian Esperantogrupon en Jena vizitis du gastoj el Budapeŝto: Sinjorino Eva Farkas, iam prelegistino de Radio Budapest, nun Esperantoinstruistino ĉe teknika instituto kaj Mihàly Gergely, konata hungara verkisto kaj redaktoro de „Esperanto Magazin“ kaj „Hungara Vivo“. Nia grupo travivis kun ili belegan grupvesperon. Ĉe glaso da vino ni interbabilis pri la Esperantolaboro en niaj landoj. Mihàly Gergely, honorita per la literatura premio „Atilla Joszef“, prelegis sian gajan kaj humorplenan rakonton „Soleca telefonulo“.

Eva Farkas entuziasme raportis pri sia Esperanto-laboro en Budapeŝtoj, kie ŝi al junuloj el diversaj afrikaj, sudaziaj, sudamerikaj kaj arabaj landoj, instruas Esperanton.

Sinjorino Farkas esprimis la deziron, ke ankaŭ en GDR oni komencu similon laboron. Kora kaj longa aplaŭdo dankis al ambaŭ por la varme kaj entuziasme donitaj raportoj. Tiu vespero kun niaj hungaraj amikoj restos neforgesebla.

Laŭ Gerda Raabe

*Georgi Korotkeviĉ, Moskvo*

**Iom pri funkciado de lingvoj kaj la problemo de Internacia Lingvo**

Varmegaj someraj monatoj. Ankaŭ por scienciuloj. En tiuj ĉi sunaj tagoj en la Soveta ĉefurbo okazis unu post la alia diversaj renkontiĝoj de scienculoj, kiuj laboras en diversaj sferoj de homa sciigo kaj tekniko, inter ili ankaŭ konferenco pri la temo *„Scienca-teknika revolucio kaj funkciado de lingvoj en la mondo."* Dum tri tagoj en la konferenca halo de Instituto por rusa lingvo de Soveta Sciencakademio daŭris vigla interŝanĝo de opinioj pri la plej gravaj problemoj de la lingvoscienco. Por nur proksimume doni impreson pri la larĝeco de la diskutitaj demandoj sufiĉas nomi nur kelkajn temojn de raportoj, referatoj kaj informaĵoj, kiujn tralegis la scienculoj. La direktoro de la Instituto por rusa lingvo, korespondanta membro de la Soveta Sciencakademio *F. Filin* parolis pri la problemo *„Scienca-teknika revolucio kaj la problemo de bilingvismo en la nuntempa mondo"*. La direktoro de la Instituto por Lingvoscienco *V. Jarceva* parolis pri la *ĉefaj tendencoj de la influo de scienca-teknika revolucio al la tipologio de nuntempaj lingvoj.* La doktoro de filologiaj sciencoj. *L. Barannikovo* lumigis la *sortojn de teritoriaj dialektoj.* Profesoro *György Szépe* el Hungara Popola Respubliko analizis la *diferencon inter konversacia lingvo kaj lingvo de scienco,* lumigis la problemon de ĝia evoluo kaj funkciado en nesciencaj rondoj de la socio.

Dum la konferenco oni donis sufiĉe grandan atenton ankaŭ al la *problemoj de internacia lingvo.* La doktoro de filologiaj sciencoj, la prezidanto de Esperanto-komisiono en la Unio de sovetaj societoj por amikeco kaj kulturaj ligoj kun eksterlando, *Mahometo Isajev,* tralegis dum la plenkunsido raporton *„Problemo de helpa artefarita lingvo en la epoko de scienca-teknika revolucio"*.

En la komenco de sia prelego M. Isajev analizis la objektivajn kaŭzojn de la deveno de ideoj pri internacia lingvo, karakterizis teoriojn kaj vidpunktojn pri la principoj, sur kiuj, laŭ opinio de siaj aŭtoroj, devus esti konstruita lingvo por internacia komunikado. La raportanto rakontis plue pri la esperantista movado, rimarkinte, ke ĝi trapasis periodojn de disfloro kaj ankaŭ periodojn de malleviĝo (dum la unua kaj dua mondmilitoj) kiam internaciaj kontaktoj reduktiĝis. En la nuna tempo, substrekis la parolanto, oni povas observi novan antaŭenmarŝon de Esperanto, kio devigas scienciulojn pli aktive labori en sfero de interlingvistikaj esploroj. *Multaj sovetaj scienculoj interesiĝas pri tiu ĉi problemo.* La raportanto citis iliajn eldirojn. Per la ekzemplo de tutflanka kaj sukcesplena evoluo de Esperanto, substrekis M. Isajev, ni rigardas antaŭ ĉio la plifortigon de la tezo pri la ebleco de ekzisto kaj funkciado de artefarita lingvo, kiun ni taksas kiel helpan rimedon en internacia komunikado.

En la konkludo de sia raporto M. Isajev rimarkigis, ke en la epoko de scienca-teknika revolucio Esperanto elvokas grandan intereson laŭ praktika kaj ankaŭ teoria aspektoj, por ekzemplo rilate la solvon de la problemo de terminologio ktp.

*Ankaŭ aliaj partoprenantoj de tiu ĉi konferenco diversgrade tuŝis la problemon de internacia lingvo* kaj ĝiajn apartajn aspektojn. Ekzemple pri ili parolis doktoro de filologiaj sciencoj *0.*

## Pri francaj MEM-anoj

Ĉiumonate tute akurate aperas „Suplemento al ‚Paco‘ “, 200 ekzempleroj eldonitaj de Franca Federacio de Laboro, kiu kunlaboras kun la 52 demokratiaj organizoj, kiuj kune luktis cele al paco en Indoĉinio.

„Suplemento al ‚Paco‘ “ informas pri la pac-agado de la franca MEM-sekcio. El ĝi estas eltiritaj la ĉefaj sekvantaj sciigoj:

1. *De pluraj jaroj la daŭra klopodo celas helpi la hindoĉinajn popolojn:*

   — per mona helpo: pagadoj al Asocio de Franca-Vjetnama Amikeco por aĉeti studmaterialon, kuracilojn, kurac-aparatojn kaj urĝajn necesaĵojn; daŭraj monkolektoj; vendado de libroj, ĉefe vjetnamaj, kaj ĉiujare okaze de la festo de „Humanité“ vendado de artaj objektoj francaj, polaj, bulgaraj, vjetnamaj, ĉinaj, pakistanaj, de lerno-libroj, de propagand-libroj pri esperanto ĉio-ĉi dank' al la sindonema laboro de kamaradoj, kiuj ebligas tiun helpon.

   — per partopreno al publikaj manifestacioj cele al paco,

   — per alvokoj, kolekto da subskriboj por liberigo de enkarcerigitaj homoj en Sud-Vjetnamio solidare kun la „Jurist-Komitato por Vjetnamio“ same kiel per deklaracioj, per leteroj aŭ telegramoj al ŝtatestraranoj.

2. *Aranĝo de migra ekspozicio de litografoj, el eldonoj de la gazeto „Combat pour la Paix“, de art-pentristoj „por la Paco“.*

3. Okaze de la *Tutmonda Kongreso de la Pac-fortoj en Moskvo,* William Gilbert, centra redaktoro de „Paco“, en la delegitaro de MEM estis akceptita de la Ĝenerala sekretario de la Tutmonda Packonsilantaro kaj partoprenis la kunvenojn.

4. *Aranĝo de vojaĝo al GDR dum julio kaj aŭgusto 1974.*

   Tiuj atingoj kaj sukcesoj de la franca MEM-sekcio respegulas nek la senĉesan strebadon de la aktivuloj por venki la diversspecajn materialajn malfacilaĵojn, nek ilian neŝanceleblan persisteman esperon al venonta tutmonda paco.

*Germaine Roux*

---

(resto de paĝo 39)

*Aĥmanova* en sia raporto *„Naturaj lingvoj kaj problemo de kreajo de scienca helplingvo en la epoko de scienca-teknika revolucio“,* doktoro *N. Ĝunusov* en la raporto *„Influo de internaciigo de socia vivo al la evoluo de bilingvismo“,* doktoro *V. Akulenko* en raporto *„Scienca-teknika revolucio kaj problemo de internaciigo de terminologio“* kaj aliaj scienculoj.

# DISTRO

**Solvo de la 10 demandoj pri inteligenteco** („d. e." 63/64, pĝ. 40)

La respondoj estas:

1. unu horon
2. ĉiuj 12
3. post unu horo
4. blanka (ĉar la domo staras sur la Norda poluso)
5. 70
6. ok
7. La 2 viroj ne ludis unu kontraŭ la alian
8. ne, la viro havas vidvinon, do li estas morta
9. Unu hundo enrigardis antaŭtagmeze, la alia posttagmeze
10. la egalpezon

**Solvo de la enigmo** el „d. e. 63/64, pĝ. 22

savo – rano – kato – psiko – pano-fanto. „Libero kaj amo" de Petöfi.

**En malsanulejo**

Enirinte en ĉambron, kuracisto kun teruro vidas, ke subflegistino plenforte skuegas malsanulon.

– Kion vi faras? Ĉu vi freneziĝis?

– Pardonu, doktoro, sed mi forgesis, ke miksturon, kiun mi donis al li, necesis antaŭ uzado kirli.

**Puno!**

Juĝisto Roy Wright en Richmond (Virginio) opinias, ke la puno ĉiam devas esti adaptata al la krimeto. Inter alie li kondamnis viron, kiu ŝtelis el apoteko grandan botelon da ricino-oleo, dum ĉiu tago de sia aresto engluti tri grandajn kulerojn da tiu „medicino".

**Lasta admono**

Reklamo de vojaĝoficejo en Vaŝingtono „Ĝuu ĉiun tagon! Rigardu la mondon kiam estas ankoraŭ kapabla. Niaj tombejoj estas plenoj da homoj, kiuj kredis esti senanstataŭeblaj!"

**Majstra ŝtelistino**

Certan rekordon akiris la poŝ-ŝtelistino Lorenza Cossu el Bologna. Dum ŝia pridemandado en la policejo ŝi ŝtelis la biletujon de la komisaro, la lip-kolorigilon de lia sekretariino kaj la cigaredojn de policisto.



# *Ludwig Schödl*
# *65 jara*

*Ludwig Schödl* ne estas nekonata al niaj legantoj kaj ĉiuj ni tre kore gratulas al la multmerita jubileulo okaze lia naskiĝtago la 31. 10. 1974. Kiel juna ilfaristo li kune kun sia edzino *Alice* aktivis ĝis 1933 en la Berlina Grupo de LEA, kaj kunpreparis la IPE-kongreson 1932. Grave estis lia kunlaboro kun *Interessengemeinschaft für Arbeiterkultur (IfA)* kaj eĉ en tre danĝera tempo, jam post 1933, multobligis por LEA kaj IfA informmaterialon demaskigantan la faŝismon antaŭ la eksterlanda publiko. Ludwig Schödl devis fuĝi antaŭ la faŝistoj kaj *elmigris al Francio*. Post la fino de la mondmilito li, fariĝinta *instruisto*, dediĉis sian tutan forton al la kreo de *nova kleriga sistemo*. Kiel pasia esperantisto Ludwig Schödl havigis al sia lernejo en Neuruppin pro sia modela internaciisma agado la honortitolon *„lernejo de la paco"*. Membro de la *Packonsilantaro de GDR* li multe iniciatis por la rekreo de organizita esperantomovado en GDR. Verkinto de *la unua lernolibro*, aktiva membro de Centra Laborrondo kaj de la Internacia Komitato de MEM, Ludwig Schödl ĉiam kun novaj ideoj kaj iniciatoj daŭrigas senlace sian laboron per Esperanto por la socio kaj por la internacia lingvo. Nia jubileulo vivas en la tradicioj kaj samtempe en la nuna pulsanta vivo. Tio garantias lian junecon. Tion ni tiel estimas ĉe li.

*Ni deziras al nia Ludwig ankoraŭ multajn same fruktodonajn jarojn. Li restu tiel juna kaj animvigla kiel nun.* *CLR*

...T BRECHT

Lieber Herr Schödl,

beiliegend Kopie meines Briefes an Herrn Kavenius.

Vielen Dank für Ihre freundliche Hilfe.

Mit Grüssen,

20.10.52

Ihr

Bertolt Brecht

La multaj amikaj rilatoj kun esperantistoj el la eksterlando al Ludwig Schödl ebligis starigi kontakton inter la finnurba teatro Turku kaj la Brecht-teatro „Berliner Ensemble". La peresperantista kontakto ebligis la surscenejigon de „Sinjoro Puntila kaj sia servisto Matti" en Turku.

En letero de 20. 10. 1952 al Ludwig Schödl Bertolt Brecht skribis:

*Kara sinjoro Schödl, ĉemetite kopion de letero al s-ro Kavenius. Multan dankon pro via afabla helpo. Kun salutoj, via Bertolt Brecht.*

## For la introvertismon!

Amiko mia, ĉiu esperantisto estas amiko mia, montris al mi programon de sia klubo, klubo grava kiu povas elspezi monon por presado de programoj. Inter la eroj por la jaro 1972 mi vidas du tute introvertismajn temojn kaj aliajn du kiujn mi povus nomi same se mi ne estus tiel ĝentila kiel mi estas. Kial debati temon „Esperanto — ilo por internaciaj rilatoj?“ Ni ne dubas pri tio, aliel ni neniam lernus la lingvon aŭ daŭrigus en la movado. Tiuj temoj, kiuj volas nur konfirmi tion, kion ni jam scias kaj akceptas, estas introvertismaj temoj kiuj neniel helpas al ni. Estas la sama introverteco kiun ni vidas tre ofte dum kongresoj kiam salutantoj emfazas unu post la alia la avantaĝojn de la Internacia Lingvo, por tiamaniere ricevi aplaŭdojn de la ĉeestantoj.

Multaj homoj trovas la introvertecon teda kaj laciga. Oni povas diskuti pri literaturo aŭ aliaj aferoj de la Movado, pri kio estas farinda aŭ nefarinda, sed estas, laŭ mi, pli utile uzi la lingvon por ĝenerala informado kaj interkontakto. Mi dirus ke multaj homoj foriras el la Movado kaj forgesas pri Esperanto ĉar ili ne povas realigi internaciajn kontaktojn, aŭ pro manko de tempo, aŭ pro manko de mono, aŭ ambaŭ. Tamen tio estas alia temo.

*Alariko (El „The British Esperantist“ June 1972)*

---

## Kolokvo pri tradicioj

Konforme al sia principo teni vivaj la progresemajn tradiciojn de la *laborista esperanto-movado* Centra Laborrondo kune kun la Distrikta Laborrondo Erfurt okazigis la 3an de majo 1974 en la historio-riĉa urbo Gotha kolokvon pri la *„tradicioj de germana-soveta amikeco en la laborista esperanto-movado“*. Antaŭ ĉirkaŭ 40 aŭskultantoj, inter ili multaj elstaraj aktivuloj el la iama Germana Laborista Esperanto-movado, *Rudi Graetz,* la prezidanto de CLR, prelegis pri *„Esperanto kiel rimedo de la klasbatalo de la internacia laborista klaso“* kaj skizis la evoluon de la laborista Esperanto-movado de la komencoj ĝis la dua mondmilito. La sekretario de CLR, *Detlev Blanke,* prezentis resumon de siaj propraj esploroj pri la temo *„La kontribuo de la laboristaj esperantistoj al la evoluo de la germana-soveta amikeco en la tempo de la respubliko de Weimar (1918—1933)“*. Interesajn kaj parte nekonatajn faktojn povis aldoni la konataj veteranoj de la laborista esperanto-movado *Willi Vildebrand, Walter Kampfrad, Otto Bäßler, Ludwig Schödl.* Iliaj ampleksaj diskutkontribuoj, ĉiuj sonbende registritaj, estas valoraj dokumentaĵoj. Ekspozicio ekipita per riĉa materialo de *Werner Habicht* kompletigis la vivan impreson pri la meritplena agado de la laboristaj esperantistoj. Pli ol 100paĝa scienca historia studo de Detlev Blanke pri la temo de la kolokvo (germanlingva) aperis presita.

# INFORMOJ

**La Budapeŝta Televido** la 8-an de januaro prezentis duonhoran dokumentfilmon pri la Hungarlanda Esperantista Societo Laborista okaze de la 60-jara jubileo de ĝia fondo. En la filmo parolis prof. *d-ro Kálmán Kalocsay, Paŭlo Balkányi, Sándor Bán, d-ro Arpád Rátkai, Borbála Szerémi, Imre Tombcz, Endre Gimes, Mihály Dumitrás kaj Béla Berceli.* La filmon redaktis *Anna Sárdi,* la reĝisoro estis *Ferenc Grünwalszky.*

(El Eszperantó-magazin, marto 1974, p. 10)

**Trilanda renkontiĝo**

Ĝi okazis la 9an de junio 1974 en Zittau kun 40 partoprenintoj kun gastoj el ĈSSR kaj Pollando.

**En rumana scienca revuo**

En la scienca revuo de la universitato Timisoara (Rumanio) „Analele Universitatii din Timisoara, Seria Stiinte Filologice“ X/1972 aperis recenzo de PIV de *Detlev Blanke* (Dictionarul complet al unei limbi modelate), paĝoj 298 bis 300.

**Ni gratulas**

— al *Richard Schulz,* kiu fariĝis 75 jara la 25. 6. 1974 kaj, esperantisto de 1923, ek de 1965 regule gvidas esperanto-kursojn en Potsdam;

— al *Werner Habicht,* el Waltershausen, prezidanto de Distrikta Laborrondo Erfurt kaj veterano de la germana laborista esperantomovado, kiu fariĝis 60jara la 20. aprilo 1974;

— al *Helmut Fuchs* el Pirna, membro de Centra Laborrondo, kiu en junio 1974 ricevis la „Meritordenon pro la Patrio“ en arĝento;

— al *Erich Ehmig* el Hildburghausen, membro de Distrikta Laborrondo Suhl kaj veterano de la germana laborista esperanto-movado, kiu ricevis la „Meritordenon pro la Patrio“ en bronzo.

**Werbebroschüre: „Die internationale Sprache Esperanto“.**

*Eine kurze Einführung, herausgegeben vom Bezirksarbeitskreis Esperanto im Kulturbund der DDR, Schwerin 1974, 21 S. A 5.*

Ein sehr origineller Versuch der Schweriner Esperantisten, auf nützliche Art und Weise in die internationale Sprache einzuführen. Einer 4 Seiten umfassenden grundsätzlichen Darstellung zur Bedeutung des Esperanto folgen in 8 Kapiteln einzelne Wesenszüge des Esperanto. *(Einfache Aussprache / klare Grammatik / keine komplizierten Redewendungen / Zahlwörter leicht gelernt / Vokabellernen eingeschränkt / leichte Rechtschreibung / eine Fremdsprache völlig erlernbar / Wir lernen weiter).*

Außerdem werden in einem kleinen Kursus die Anfangsgründe der Sprache vermittelt. Nicht genug, um Esperanto zu lernen, aber ausreichend, um ernstes Interesse zu erwecken. Und das alles auf 21 Seiten. Eine gute Leistung. Zu beziehen beim Zentralen Arbeitskreis (Esperanto, pro Heft —,50 M (pri germanlingva 21-paĝa originala varbbroŝuro entenanta 4-paĝan bazan pritrakton pri la celo, esenco kaj signifo de Esperanto kaj 8-ĉapitretan mallongan enkondukon en la lingvon.)

# INFORMOJ

## Prof. Spitzbardt pri mondlingvo

En la renoma lingvistika revuo de la Akademio de Sciencoj de GDR *„Zeitschrift für Phonetik, Sprachwissenschaft und Kommunikationsforschung“* 6/1973 aperis 20paĝa studo de la konata indoneziologo *prof. d-ro Harry Spitzbardt* (Jena) pri „Mondlingvoj kaj mondhelplingvoj“. En sia profunda sed iom kontraŭdira studo prof. Spitzbardt prilumas la diversajn eblecojn solvi la mondan lingvan problemon. Substrekendas la objektiveco per kiu prof. Spitzbardt prezentas la faktojn pri Esperanto. La aŭtoro starigas 8 kriteriojn, al kiuj laŭ li devus respondi internacia lingvo. Kvankam la de li mem prezentitaj faktoj pri Esperanto parolas por si mem, la aŭtoro evidente per tiuj kriterioj inklinas al nacia lingvo kiel mondhelplingvon. La artikolo estas nepre salutinda, ĉar ĝi certe stimulos al diskutoj.

## Scienca materialo pri valoro de Esperanto-instruado

La internaciaj spertoj rilate la instruadon de Esperanto estas tre rimarkindaj. Tial ankaŭ CLR planas ellabori science konfidindan materialon, kiu pritraktu i. a. jenajn problemojn:

1. *Aktuala stato kaj evolutendencoj de la instruado de Esperanto en lernejoj kaj universitatoj.*
2. *La eduka valoro de instruado de Esperanto*
3. *La kleriga valoro de instruado de Esperanto, speciale kiel preparo por instruo de aliaj fremdaj lingvoj (propedeŭtiko por fremdlingva instruado)*

La ellaboro de tia materialo nur povas okazi sur scienca bazo. Ĉiuj *vere kompetentaj* kaj por simila scienca laboro interesitaj kaj trejnitaj esperantistoj estas bonvenaj al kunlaboro kaj sin turnu al CLR. Pri la konsisto de la studkomisiono CLR decidos.

Antaŭkondiĉo por kunlaboro en la komisiono estas pedagogia fakeco kaj, se eble, fak- aŭ alterneja klereco. Ĉiuspecajn materialojn aŭ indikojn por la prilaboro de la supre cititaj problemoj el en — kaj eksterlando danke akceptas CLR.

## Sonbendoj, neinteresaj?

*Fakte nur malmultaj grupoj interesiĝis pri la programo de la sonbenda servo kaj mendis kelkajn bendojn. Ĉu vere la grupoj ne emas iom variigi siajn programojn?*

## Filatelo kaj Esperanto

En *„Sammlerexpress“* 12/1974, la revuo de la filatelistoj de GDR, aperis artikolo de *Rudolf Burmeister* pri esperanto-poŝtmarkoj kaj stampoj. Jen la adreso: Sammler-Express, 108 Berlin, Charlottenstraße 60, GDR.

## „Nuda inter lupoj“ havebla

La romano estas havebla aŭ mendebla en ĉiuj internaciaj librovendejoj, inkluzive en Das Internationale Buch, 102 Berlin, Spandauer Str. 2, kiu volonte kaj akurate tuj plenumos mendojn pri la libro.

Se ie en la respubliko estas malfaciloj rilate la akiron de la libro aŭ neplenumo de mendoj, CLR petas pri tuja kaj konkreta informo por eventuale kontakti, se necese, la eldonejon mem.

## Libro-oferto

*Haveblas ĉe Centra Laborrondo*

- GDR-Esperanto-insignoj 1,50 M
- malgrandaj insignoj (diametro 0,9 cm) rondforma kun steleto 1,50 M
- Istvan Szerdahelyi: Esperanto I kaj II, la plej varie ekipitaj lernolibroj, verkita speciale por infanoj, sed pro la metodike bonege prilaborita materialo ankaŭ aplikebla en aliaj kursoj. Ĉiu kursestro devas posedi la du volumojn (260 kaj 226 paĝojn), ĉar ili enhavas multe da preta materialo, kiun oni povas uzi en la kurso. Nur ambaŭ volumoj kune riceveblaj, kune 12,– M
- Krusten, Erni: Okupacio, Dramplena rakonto Tallinn 1972, 90 p. 1,20 M
- Apitz, Bruno: Nuda inter lupoj, Leipzig 1974, 480 p. 12,– M
- Göhl, Hermann: Ausführliche Sprachlehre des Esperanto, Berlin 1973, 293 p. necesa por ĉiu germana esperantisto 6,– M
- Poŝatlaso de la mondo, Praha 1971, riĉa maparo el ĈSSR, multaj tabeloj, indikoj, geografiaj informoj, indeksoj, juvelo por la esperanto-biblioteko 12,60 M
- Soveta Armenio, Jerevan 1973, 30 p. malgranda informilo pri la Armena Sovetrespubliko 0,50 M
- Gárdonyi, G.: Sklavoj de Dio, Budapest 1972, 400 p., historia romano pri la vivo en monaĥejo hungara, bonega lingvaĵo, kontrolita de Kalocsay 15,05 M
- Bezruĉ, Petr.: Sileziaj kantoj, Opava 1970, 120 p. poemoj de la plej populara silezia (ĉeĥa) poeto 1,– M
- En la nubon ŝi sorbiĝis for, 1973 Japanio, 62 p. ilustrita, pri la sekvoj de la atombomboj en Japanio. Kortuŝa dokumentaro, nepre havenda 2,– M
- Waringhien/Kalocsay/Bernard: Parnasa Gvidlibro, Varsovio/Bruselo 1968, 156 p. poete verkita lernolibro resp. gvidilo pri la rimoj en Esperanto, posedenda malgraŭ la alta prezo de ĉiu literature interesita esperantisto. Krome ĝi estas bonega pruvilo (ekzemple en ekspozicioj) pri la literatura kapableco de Esperanto 20,25 M
- „Litova kanto en Esperanto", longdaŭra disko el Soveta Unio, kun 12 litovaj popolaj kaj modernaj kantoj, prezentitaj de eminentaj profesiaj artistoj, unu el la malmultaj longdaŭraj muzikdiskoj en Esperanto 12,– M
- Pettyn, Andrzej, Esperanto laŭ amuzmetodo, Varsovio 1973, 50 p. metodike prilaboritaj anekdotoj, necesaj por ĉiu kursgvidanto, kiu ne nur volas tedi dum la kurso per seka gramatiko 4,05 M
- Varbbroŝuro, germanlingva: La internacia lingvo Esperanto, malgranda enkonduko, Schwerin 1974, 20 p. –,50 M

Senpage ni sendos: Prospekton: Por tutmonda libera kaj scienceteknika progreso (kolora, 24 paĝoj).

Kompletigu vian kolekton de legindaj Esperanto-libroj el Vjetnamio:

- La ĝenerala instruado en V. D. R., Hanojo 1971, 142 p. 1,50 M
- La bambufluto, novelaro el Sudvjetnamio, 1973, 204 p. 2,– M

**Pettyn, Andrzej: Esperanto laŭ amuz-metodo, Polski Zwiazek Esperanty slow. Warszawa, 1973, 50 p.**

Laŭ la bonega devizo „La plej perdita estas tiu tago, en kiu vi ne ridis" (Chamfort) la konata pola aŭtoro de tre netradiciaj esperanto-lerniloj, Andrzej Pettyn, nun prezentas jam longe mankintan materialon: Metodike prilaboritan anekdotaron, kiun oni povas (mi ŝatus diri: devus) uzi en ĉiu kurso, por iom „spicigi" la eble ne ĉiam sensekajn instruhorojn. Cetere, ne ĉiuj anekdotaj eventoj nur estas ridigaj ŝercoj. Ili, pli bone dirite, estas kuriozaĵoj, strangaĵoj. En 20 lecionoj ni konatiĝas kun 45 da tiaj anekdotoj. Jen specimenoj: *Sovaĝa ansero:* Malgraŭ protestoj, de sinjoro W. el Leeds en Britujo oni forprenis la permesilon pri ĉasado. La motivigo tekstis: „Sinjoro W. estas tiagrade miopa, ke iutage li pripafis militaviadilon pensante, ke ĝi estas sovaĝa ansero. Aŭ *malfeliĉaj akcidentoj:* El raporto pri Esperanto-kurso, kiun komencis frekventi 35 personoj: „... 34 personoj ĉesis frekventi la kurson pro la morto, malbona sanstato, geedziĝo aŭ aliaj malfeliĉaj akcidentoj ...".
Do jen, kaj tiel pluas. Kvankam kostante 4,05 M la libreto estos al vi tiom valora. Mendu ĝin ĉe CLR.

**H. Göhl: Ausführliche Sprachlehre des Esperanto**

Wir empfehlen allen Leitern von Anfängerzirkeln und Kursen für Fortgeschrittene, dieses Werk ihren Kursteilnehmern anzubieten. Als verläßliches Nachschlagewerk über die Grammatik des Esperanto, eingerichtet speziell für Deutschsprachige, bietet es auf 300 Seiten eine Fülle von grammatischen Erläuterungen und Beispielen zum Sprachgebrauch der internationalen Sprache. Das Werk trägt zu Recht den Untertitel „Lehr- und Nachschlagebuch für Fortgeschrittene", ist aber auch für sprachlich etwas gewandte Anfänger, besonders Autodidakten, sehr gut geeignet.

Bestellungen nimmt der Zentrale Arbeitskreis Esperanto im Kulturbund der DDR, 108 Berlin, Charlottenstraße 60, entgegen. Das Werk kostet 6,– M.

**Resumo:** Rekomendo al ĉiuj kursestroj uzi la germanlingvan gramatikon de Esperanto de Hermann Göhl, fotorepresé reeldonita de Centra Laborrondo, prezo 6,– markojn.

---

(resto de paĝo 46)

| | | |
|---|---|---|
| – Lan T.: Anekdotoj de vojaĝo, 1968, 100 p. | | 1,50 M |
| – Prezidento Ho Chi Minh, 1970, 152 p. | | 1,50 M |
| – Kun Onklo Ho, 1972, 400 p. | | 3,50 M |
| – Resumo pri Vjetnamio, 1971, 120 p. | | 1,50 M |
| – Skizoj pri la usona novkoloniismo, volumoj I – III 1972 – 1973, 630 p. | kune | 6,– M |
| – La naciaj malplimultoj en V. D. R., 1973, 140 p. | | 1,50 M |
| – La horloĝisto de Djen Bjen Fu, noveloj, 1971, 410 p. | | 3,50 M |

Utiligu nian riĉan libro-oferton.

Havigu al via grupo malgrandan provizon, ankaŭ por donacoj, por la grupa biblioteko k. t. p.

Al la prezoj aldoniĝas afranko.

# KORESPONDDEZIROJ

## Brazilio

Dez. koresp. Naide Coêlho, Rua General Sampaio 1373, **Fontaleza,** Cearà

## Britio

Bibliotekisto, 30 jara, dez. koresp. kun fraŭlino inter 20—30. Tim Charr, Crewe, **Cheshire,** Gordon House, 211, Bedfordst

## Bulgario

Laboristo dez. koresp. pri turismo, interŝanĝi bk, Hristo Gencev (28 jara), **Gabrovo,** str. Trakia 38/4

60 junaj esperantistaj gelernantoj dez. koresp. kun germanaj gejunulaj (12—15 jaraj). Dimitar Petkov, **Gorna Orjaĥovica,** str. Vâstaniĉeska 1

Kun plezuro renovigas la korespondadon kun siaj geamikoj, Sider Denev Pavlov, str. A. Veleŝki, n-ro 2 k. 22, **Sviŝtov**

## GDR

Fraulo, 23-jara (ĉeĥo, portempe laboranta en GDR) dez. koresp. pri ĉiuj temoj, Michal Brabenec, **Berlin 102,** Postfach 1

Material-ekonomiisto, 55 jara, Heinz Siegel, **DDR-92 Freiberg,** Dammstr. 49 c

Instruisto, 37 j., kun instruistoj el aliaj londoj Joachim Erler, **DDR-943 Schwarzenberg,** Karlsbader Straße 6

Masonisto, 44 j., interŝ. bk, dez. koresp. pri profesiaj problemoj. Esseln, Helmut, **DDR-943 Schwarzenberg,** Külz-Straße 7

Lernantino, 15 j., pri la tuta mondo. Elvira Kanis, **DDR-6506 Ronneburg,** Karl-Liebknecht-Straße 31

Studento de ekonomio serĉas kontakton kun aktivaj ŝakistoj. **DDR-117 Berlin,** Mittelheide 46

La esperanto-grupo en Dresden aranĝos eskpozicion okaze de la 25-a datreveno de la fodiĝo de nia ŝtato. Bv. sendi materialojn. Ni rekompencas per prspekto pri GDR aŭ nia ĵurnalo „der esperantist". Bv. skribi al s-ino Evelin Berndt, **DDR-806 Dresden,** Helgolandstraße 9 b

Dipl. sportinstruisto, komencanto. dez. interŝ. bk, Joachim Kretzschmer, **DDR-9312 Kurort Oberwiesenthal,** Keilbergstr. Kiu disponigos por fotokopio „Internaciisto" n-roj 29/30, 49, 50, „Sur Posteno" (Amsterdam) n-roj 1—38, 41—48, 52, 64 . . . „La nova etapo" (Moskvo), ĉiuj numeroj? Skribu al Detlev Blanke, **DDR-1058 Berlin,** Wolliner Straße 13/14

Instruistino, 30 j., dez. koresp. pri folklore, popola artmetio, turismo (intergastigado), pedagogiaj problemoj. Brigitta Grödel, **DDR-8256 Weinböhla,** Marienstraße 4

## Hungario

Ministo, 28 jara, lernas germanan, italan, rusan, anglan kaj latinan lingvojn, dez. koresp. kun 2—3 familioj, János Beleznai, **H-2800 Tatabanya,** Györi u. 16

Pioniroj 10—13 jaraj dez. koresp. Skribu al Esperanto-grupo en 23. ĝenerala lernejo **3534 Miskolo,** Tonicsics tér 1/a

Knabino, 15 jara, dez. koresp. Terŝia Menyhart, **5131 Jázapaŝi,** PF 23

Knabe, 15 jara, dez. koresp. kol. pm Zoltán Somogyi, **1035 Budapest III,** Vörösvari u 21 V. 15

Gimnazianino, 18 jara, Nagy Eszter, **7633 Pécs,** Lotz Károly u 19

## Italio

Dez. koresp. kun geknaboj itale, esperanto, angle, kol. pm. bk, Tataro Arcangelo, Via Buzzi 5, **23100 Sondrio**

## Jugoslavio

Jugoslavaj knabinoj dez. koresp. Skribu al „Esperantistina kurso", **YU 41000 Zagreb,** Ljubice Gerovac 1

---

Herausgeber: Kulturbund der DDR (Zentraler Arbeitskreis Esperanto).
Redaktion: 108 Berlin, Charlottenstr. 60. Fernruf: 22 59 91.
Verantwortl. Redakteur: Detlev Blanke. Redaktionskommission: Otto Bäßler, Dr. Hans Eichhorn, Rudi Graetz, Rudolf Hahlbohm, Willi Vildebrand. - Veröffentlicht unter der Lizenznummer 648 des Presseamtes beim Vorsitzenden des Ministerrates der DDR. - Erscheinungsweise: 6mal im Jahr. Preis pro Einzelheft 30 Pf.
Druck: Druckwerkstätte Glauchau
III-12-8 685